XXIIa jaro. No 306 (2) ☆ Monata ☆ Februaro 1926

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| **Simpla abono** | 10.— Fr. Sv. |
| **Kun la membreco de UEA** | 12.50 Fr. Sv. |
| **Unu numero** | 1.— Fr. Sv. |

*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

☆

REKLAMO

| | |
|---|---|
| **Anonco** (unu centimetra kolonero) | 2.50 Fr. Sv. |
| **Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) | 0.75 Fr. Sv. |
| **Korespondado** (1 enskribo) | 1.— Fr. Sv. |

ENHAVO



## Du vojoj al mondlingvo.

Kiu senpartie observas en la mondo la movadon por helpa mondlingvo povas konstati, ke ĝi dividiĝas en du anaroj sekvantaj du malsamajn vojojn: Unuj revas je iu supera komisiono interŝtata aŭ superŝtata, kiu fine ekzamenos ĉiujn ideojn aŭ projektojn kaj decidos ion. Aliaj dubas ĉu tiu komisiono iam ekzistos kaj, por ne perdi tempon, disvastigas tuj en la mondo unu praktikan helplingvon riĉiĝantan kaj progresantan mem per sia propra uzado.

Por mallonge sin esprimi, oni povas — kvankam ne tute akurate — nomi la unuan vojon *la teoria* kaj la alian *la praktika*. Kiu estas prava kaj kiu pli forta?

Pri forteco en nombroj estas neniu dubo. La praktikuloj, t. e. la esperantistaro, reprezentas la naŭ dekonojn de la tuta movado por mondlingvo kaj Esperanto estas multe pli konata en la mondo, ne nur ol ĉiuj aliaj sistemoj kune, sed eĉ ol la ideo mem pri mondlingvo.

Nun pri praveco. Tiuj naŭ dekonoj laboras diligente por tuj apliki tion, kion ili proponas. Iom post iom ili enkondukas Esperanton en diversajn uzkampojn kaj iom post iom la lingvo, en la komenco nur vortareto kaj gramatiketo, formiĝas pli kaj pli riĉe kaj vive, polurata per la sperto. Post longaj jaroj de senlaca konstanteco, la uzado de Esperanto povos ĝeneraliĝi kaj la problemo de mondlingvo estos solvata tute nature kaj sen ia ajn alia miraklo ol tiu de pacienco . . . kaj genio. Memoru la vortojn de Viktor Hugo: „Genio estas longa pacienco".

Do, se la teoriuloj, la cetera dekono, malpravus kaj se neniam venus la revita komisiono, la afero estus tamen savata kaj la celo atingita per la longa vojo.

Nun supozu, ke la teoriuloj pravas kaj ke iam venos la fama komisiono. Ĉu la praktikuloj malhelpos tion per sia ĝisa laborado? Tute ne, eĉ kontraŭe, ili estos la ĉefa kaŭzo de tia oficiala decido. La praktikuloj vole-nevole laboras tute senpage je la profito de la teoriuloj per ĉio, kion ili faras: ili havigas la lingvan materialon por analizi, diskuti kaj kritiki, la sperton por observi, la vivon por lerni. Antaŭ ĉio ili alportas al la mondo la pruvon, ke helpa mondlingvo povas funkciadi tute sukcese.

Se ili, la esperantistoj, ĉesus labori, la ceteraj, la teoriuloj, povus tuj fermi la butikon. La ideo pri mondlingvo jam ne ekzistus firme sen la praktikuloj.

Nun pri la teoriuloj. Kiel decas, ili mem estas dividataj en multaj fakoj: unuj okupataj je reformado de Esperanto, aliaj je proponado de novaj sistemoj, ceteraj je studado kaj komparado de ĉiuj. Se ili pravas rilate al la komisiono, ili alportos al ĝi tre diverskoloran materialon, iom kapturnigan pro manko de unueco en konkludoj, sed ĉiam interesan en si mem.

Sed se ili malpravas kaj se la komisiono neniam venos, ĉu ili havos la senton, kiel la praktikuloj, ke ili ĉiuokaze helpis la mondlingvan ideon kaj faciligis la vojon al la tuta afero? Ne ĉiuj povos tion senti. Dum la esperantistoj servas la ideon per sia ĉiutaga laborado, kelkaj teoriuloj malhelpas ĝin okupante sin je nura barado de vojo al la praktikuloj. Tute bari ili ja ne povas, eĉ grande bari ne, sed malagrabligi kaj iom malrapidigi jes. Esperanto marŝas tamen antaŭen ĉiam pli forte. Kelkaj teoriuloj ne ĵaluzas tion. Ili ĝentile daŭrigas sian apartan studadon laŭ scienca metodo neniam ĵetante ŝtonojn sur la vojon de la praktikuloj.

Kial? Ĉar ili mem sentas, ke la komisiona afero estas nur revo. Eble ĝi okazos, eble ne . . . pli eble ne. Tial necesas ne difekti la certaĵon pro la necertaĵo.

*Edmond Privat.*



## SOCIA VIVO



# Kroniko de l' internacia vivo.

*Internacia Komitato de demokrata agado por la paco* (34 Bd. Raspail, Paris) aranĝis la kvinan kongreson en Luksemburgo de 9 ĝis 14 septembro 1925. Interalie la kongreso adoptis rezoluciojn, kies principoj estas jenaj: I. ke la Protokolo de Ĝenevo estu sankciita kaj ke oni atingu konkordon por ĝia realigo; II. ke la nunaj intertraktadoj rapide konduku al akordiĝo pri sekureco kaj arbitrado, al interkonsento inter Germanio, Belgio, Granda Britujo kaj Francujo, en kadro de la Ligo de Nacioj; III. ke la protekto de la malplimultoj estu starigita en ĉiuj regnoj sub aŭspicioj de la Ligo de Nacioj; IV. ke estu forigitaj pasportaj formalaĵoj, doganaj baroj, kaj estu kreita la internacia stabila mono; V. ke la Ligo de Nacioj esploru problemon de la internacia juro, kaj la politikaj rondoj atentu pri la neceso demokratigi la organizan statuton de la Ligo de Nacioj, precipe de ĝia konsilantaro; VI. Estu entreprenita la energia agitado je favoro de la „nov-malriĉuloj", speciale de intelektaj laboristoj; VII. ke la pacifistaj asocioj en ĉiuj landoj agu sur la ministrejoj de l' popola instruado, kaj sur la eklezíaj estraroj, kun celo forigi el la oficiala instruado la malbonajn lernolibrojn, ke la gepatroj pacemaj protestu kontraŭ la libroj kiuj ekscitas la interpopolan malamon, kaj penu detrui ĉe la infanoj la militemajn kaj brutalajn instinktojn.

*Internacia Oficejo por la defendo de indiĝenoj* (30 rue Verdaine, Genève) organizis la duan ĝeneralan kunvenon de la Ligo por la defendo de indiĝenoj, en Ĝenevo, 3 septembro 1925, sub la prezido de S-ro R. Claparède. Estis reprezentitaj: Danmarko, Francio, Germanio, Granda Britujo, Italio, Latvio, Peruo, Portugalo, Rusio, Svislando, Usono. Estis adoptita rezolucio kiu petas la Ligon de Nacioj krei specialan sekcion ĉe la Internacia Laboroficejo por sekvi la porindiĝenan movadon. Sekvonta kunveno estis fiksita en Ĝenevo, septembro 1927.

*Instituto de la Pac-Oceanaj interrilatoj* (Institute of Pacific Relations, Honolulu-Havajo) havis sian unuan konferencon de 30 junio ĝis 14 julio 1925 en Honolulo. Partoprenis 111 personaj membroj el: Aŭstralio, Ĉinio, Filipinoj, Havajo, Japanio, Kanado, Koreo, Nov-Zelando, Usono. Oni diskutis pri ekonomio, industrio, komerco, socia vivo de la Pac-oceanaj landoj. Oni asignis por la Instituto 75000 dolarojn de ĉiujara monhelpo. La konferencoj okazos ĉiudujare ĉiam en la Pac-oceanaj landoj. La proksima estos ree en Honolulu 1927.

*Internacia Asocio de la Aero-trafiko* (39 Mauritskade, Hago) aranĝis sian 14-an kunsidaron en Bruselo, 25 kaj 26 aŭgusto 1925. Oni decidis oficialigi du lingvojn: francan kaj anglan; en okazo de dubo la franca estos sole konsiderata. Oni diskutis interalie pri la starigo de stabila internacia mono, de modela ŝ p-pasporto, de modela pilota kontrakto, pri la impostoj, asekuroj, horaroj, respondecoj de la aero-kompanioj. Oni starigis komisionon por enkonduki Esperanton kiel faklingvon. Sekvonta kunsidaro estos en Parizo, 15 februaro 1926.

*Internacia Nov-Lerneja Oficejo* (10 Chemin Peschier, Champel, Genève) organizis 4-an kongreson de la Internacia Ligo por Nova Eduko en Heidelberg de 2 ĝis 15 julio 1925. Estis reprezentitaj 28 nacioj kaj 7 registaroj. La sola deziresprimo estis adoptita: „Ke estu starigita en Ĝenevo, se eble kun helpo de la Ligo de Nacioj, internacia oficejo pri eduko, kiu servu centro de dokumentado kaj disvastigo de la lerno-problemoj."

*Universala Federacio de Eduk-Asocioj* (Augusta, Maine, U. S. A) havis sian 2-an Konferencon en Edinburgh de 20 ĝis 27 julio 1925. Estis reprezentitaj 12 landoj kaj la Ligo de Nacioj. Inter la rezolucioj adoptitaj estas: starigo de tutmonde festota „tago de la internacia bonvolemo", neceso por la instruistoj konatiĝi kun la internaciaj demandoj, rekomendo pri internaciaj vojaĝoj kaj interŝanĝoj de la instruistoj, helpo al la naciaj komitatoj, kiuj volas organizi internacian korespondadon de la lernantoj, reformo de la instruado de geografio, historio, juro, kiuj devas esti laŭ sia esenco ne nur naciaj, sed ankaŭ internaciaj.

*Universala Federacio de Studentaj Kristan-Asocioj* (16 Bd. des Philosophes, Genève) havis la kvaran konferencon de sia sekcio pri Universitata Interhelpo, en Genève kaj Gex, de 4 ĝis 12 aŭgusto 1925. Ĉeestis 220 delegitoj el 28 landoj. Sekvonta konferenco okazos en Karlovci, Sudslavio, de 20 ĝis 30 aŭgusto 1926.

*Universala Alianco por la Internacia Amikeco per la Eklezia perado* (41 Parlament Street, London) havis kunsidon de sia komitato en Stockholm, de 6 ĝis 8 aŭgusto 1925. Estis reprezentitaj 26 ĉefaj landoj (krom Brazilo, Kanado, Meksiko, Rusujo). Interalie oni adoptis jenajn rezoluciojn:

I. rekomendas al ĉiuj registaroj la grandajn principojn de arbitrado, sekureco, senarmiĝo;
II. insiste petas la registarojn kontribui al la kristana misio inter la popoloj — per la parolo, plumo, amo kaj predikado;
III. deziras atentigi la Ligon de Nacioj pri la mizero en kiu troviĝas centmiloj da rifuĝintoj, precipe en Greklando kaj Bulgario;
IV. sugestas pli larĝan kaj malŝovinistan manieron de instruado de la historio en la lernejoj.

*Internacia Unio de Helpo al Infanoj* (31 Quai du Mont-Blanc, Genève) havis sian 1-an Kongreson en Ĝenevo de 24 ĝis 28 aŭgusto 1925. Partoprenis 700 anoj el 54 landoj, plejparte oficiale reprezentitaj. Estis diskutataj kaj adoptitaj multaj rezolucioj pri la infanaj higieno, edukado, helpo, pacinstruo, defendo ktp. Estis starigita konstanta oficejo de la unio kun celo sciigi al la registaroj kaj interesataj institucioj la adoptitajn rezoluciojn.

*Internacia Virina Ligo por la Paco kaj la Libereco* (12 rue du Vieux-Collège, Genève) havis kunsidon de sia komitato en Innsbruck de 10 ĝis 15 julio 1925, kie 13 nacioj reprezentiĝis. Inter la adoptitaj rezolucioj ni trovas jenon: „La komitato LIFPL ree kondamnas la armiluzon por la likvidado de internaciaj konfliktoj, . . . varme akceptas la principojn de senarmiĝo kaj arbitrado enkondukitajn en la Ĝeneva Protokolo, . . . konsideras ke la nunaj malordo en Egipto kaj milito en Maroko estas fatalaj sekvoj de la militakirema politiko, . . . insiste petas la Ligon de Nacioj organizi konstantan informadon pri la naciaj malplimultoj". Sekvonta kongreso de la Ligo okazos en Irlando, somere 1926.

*Aŭstrio.* „Neniam plu la milito!" — tia estas skribaĵo gravurita sur la monumento, dediĉita al la memoro pri 10000 civitanoj, mortaj pro la militaj vundoj. La monumento estas starigita de la socialista urbestraro en Wien.

*(El „Bulletin trimestriel de renseignements sur l'oeuvre des organisations internationales" kaj „Bulletin d'information de la réconciliation internationale".)*




# Eduka paĝo de l'Instituto J. J. Rousseau.

*„Infano ne estas kobajo."*

Nia Instituto estas lernejo de Eduk-sciencoj, fondita antaŭ 13 jaroj. En tiu lernejo, destinita al estontaj edukistoj, oni sin okupas pri ĉiuj problemoj rilataj al la infano kaj al la eduko. Tie oni deziras ke la instruado estu pli alloga, plibone adaptita al bezonoj de la infano. Sed kiel renovigi la pedagogiajn metodojn? Tute simple: ilin fondante, ne sur teorioj pli aŭ malpli arbitraj, sed sur ekzakta kono de la infano mem, de lia intelekto, de lia memoro, unuvorte sur la *infana psikologio*.

Nun stariĝas plua demando. Kiel ekkoni la infanon? La respondo estas tuja. Por ekkoni la infanon oni devas lin studi per apliko de la metodo komuna al ĉiuj sciencaj esploroj, t. e. de la metodo eksperimenta. Observi, poste eksperimenti, fine ĝeneraligi, t. e. serĉi formuladon de la leĝoj.

Kion tio signifas? Jen estas la infanoj submetitaj al la eksperimentoj. Sed, vi pensas, la infano ne estas kobajo, oni ne rajtas lin trakti kiel objekton de eksperimentado, kiel animalon de laboratorio „Infano ne estas kobajo." Tia estas la ordinara protesto de la kontraŭuloj al la moderna pedagogio. Ĝi elvokas vizion de etaj „hindaj porkoj" fordonitaj al la teruraĵoj de la vivesekcio.

Gepatroj . . . trankviliĝu! Neniu intencas malfermi la kraniojn por mikroskope ekzameni la grizan materion de viaj idoj, nek palpi la fruntojn por tie serĉi ĝibeton de la kalkulo aŭ de la desegno. Tamen ni pripensu la kontraŭdiron: ni montru ke la lernejaj eksperimentoj estas la kondiĉo mem de la progreso; apenaŭ estas bezono diri ke ĉi tiuj eksperimentoj neniel povas malutili al la „submetitoj" (sujets). Jen unu grava pedagogia problemo kiun ni indikas kiel ekzemplon: en kioma aĝo oni komencu la studon de iu fremda lingvo pour ĝin posedi utiligeble en la 15-jara aĝo? Du ĉefaj tezoj tie kontraŭstariĝas. Unuj diras: oni komencu la studon laŭeble plej frue, uzante la senperan metodon, oni montru al la infano objektojn kaj diru iliajn nomojn, igante lin formi nelongajn frazojn Aliaj diras: oni devas atendi ĝis kiam la infano konos bone sian patrinan lingvon kaj havos sufiĉan gramatikan materialon; oni komencu la studon de la fremda lingvo per metoda prezento de la gramatiko. Kaj certe, la unuj kaj la aliaj havos argumentojn spritajn, eĉ konvinkajn. Sed kiaj ajn estu la argumentoj kaj la aŭtoritato de adeptoj de tiu aŭ de alia sistemo, sole la eksperimentoj, metode kaj lojale kondukitaj, permesos fari elekton en la kompetenta maniero.

Sed, tiam, kiel fari la eksperimenton? — Aplikante la du sistemojn samtempe al du grupoj da lernantoj, kaj komparante la rezultojn. Estas memkompreneble necesa la ebleco kompari la du grupojn kaj la du instruistojn. Tio signifas ke la eksperimentoj estas delikataj kaj la konkludoj devas esti formulitaj kun granda singardo. Sed ĉu pro tio rezigni pri la esplora rimedo, la sola vere utila; kaj ĉu oni traktos la infanojn kiel kobajojn kiam oni serĉos por ili aŭ por iliaj plijunaj fratoj la metodojn la plej adaptitajn, la plej bonajn?

Mi parolis pri la instruado de naciaj lingvoj; aliaj demandoj povas ekstari pri la latina, greka, aŭ pri la ceteraj lernobjektoj.*) Estas demandoj pri la aĝo: estas ankaŭ demandoj pri la metodoj. Ĉu pli taŭgas dikti lecionan resumon aŭ havigi al la lernantoj lernolibron? Ĉu estas preferinde komenci la studon de frakcioj per la decimalaj frakcioj? Ĉu necesas postuli la laŭvortan parkeradon de historiaj kaj geografiaj lecionoj? — Estas demandoj pri la lernolibroj. Kiu estas preferinda el du lernolibroj de geografio, kiuj ŝajnas egale klaraj kaj bone kompilitaj? Kaj ĉiuj tiuj demandoj ĝenerale ne estas respondeblaj per la logiko kaj per la bonsenco. La pruvo kuŝas en tio ke la bonsenco kaj logiko de S-ro V., kies kompetenteco estas tute rekonita, ne akordas kun la bonsenco kaj logiko de S-ro Z, kiu neniom malsuperas al sia kontraŭopinianto.

Sed estas problemoj pli vastaj. Ekzistas, ekzemple, la diskuto inter adeptoj de l' aktiva lernejo kaj tiuj de l' tradicia pedagogio; ekzistas ankaŭ la diskuto inter partianoj de la severa disciplino kaj tiuj kiuj pensas ke la infano devas en la lernejo progresi en la praktikado de l' libereco.

Kiu ajn estu la diskutata lerneja demando, oni povas diri ke nur la metodaj eksperimentoj, faritaj senpartie, povas decidigi. Ekster tio kion ni rekomendas oni devas kontentiĝi je empirismo ne sufiĉa; oni aliigas la programojn aŭ la metodojn ĉar ili elvokis kritikojn; oni enkondukas tion, oni forigas alion, oni sekvas la modon. Kaj tio danĝeras.

Estas memkompreneble ke ne temas pri eksperimentoj farotaj blinde-hazarde, sen scii kien oni iras. La esploroj estas fruktodonaj kaj utilaj, en pedagogio kaj aliloke, nur se ili estas farataj laŭ iu plano zorge studita. Tre ofte oni estas devigata aliigi tiun planon, dum la laboro mem, por ĝin kvazaŭ modeligi laŭ la realaĵo.

Sed la studo pri la infano ne havas sole celon solvi la problemojn tiajn, kiajn mi indikis kiel ekzemplojn. Ĝi entreprenas krome la ĝeneralan plivastigon de niaj konoj pri la infanmenso.

Unu el kunlaborantoj de la Instituto Rousseau, S-ro Piaget, kiu estas ĵus nomita kiel profesoro en la Universitato de Neuchâtel, elpensis metodon, kiun oni povas nomi klinika, kaj kiu jam donis tre interesajn rezultaĵojn. S-ro Piaget babilas kun la „kobajoj," mi volas diri kun la infanoj, li ilin pridemandas, igas ilin formuli iliajn ideojn, ekzemple, pri la naturaj aperoj. — La protokoloj de tiuj babiladoj jam havigis la materialon por 2 belaj volumoj, titolitaj — unu „La lingvo kaj la penso ĉe la infano", kaj alia „La juĝo kaj la rezonado ĉe la infano." Tiamaniere la aŭtoro povis rekonstrui la infanajn fizikon, kosmogonion, logikon, kaj precipe li faris unu tre gravan konstaton. La infano, la malgranda infano, imagas multajn aĵojn pri la suno, nuboj, vento, animala vivo, kaj la cetero; en multaj kazoj la postaj instruoj ne anstataŭas tiujn infanajn konceptojn, sed apudmetiĝas aŭ almiksiĝas kun tiuj konceptoj. El tio iufoje sekvas respondoj tute neatenditaj kaj treege kontraŭdiraj.

Devigiĝas la pedagogia konkludo: antaŭ ol havigi al la infano niajn plenaĝulajn klarigojn, kiujn li ofte akceptas ne tute kredante ilin, estus prudente lin unue pridemandi por ekkoni tiujn klarigojn kiujn li mem trovis spontane.

Ni notu, antaŭ la fino, ke la enketoj, pridemandoj, elprovoj ne prezentas por la misnomitaj „kobajoj" ian ajn danĝeron, eĉ ian enuon. Kaj eĉ se iufoje la elprovoj, aŭ la enketoj devus kaŭzi al la infanoj etan superlaboron aŭ kelkan lacon, mi kredas ke oni povus diri al ili la finan celon de la esploroj.

Diri al la infanoj, eĉ dekjaraj, ke oni havas intereson pri la maniero de ilia laboro kaj rezonado por poste povi plibone instrui iliajn plijunajn fratojn, tio signifas miaopinie ke oni ilin traktas kiel inteligentajn „kobajojn."

Kaj poste, pri la estonto ni pensas, la estonton ni volas prepari. Lernejon pli gajan, infanojn pli feliĉajn, plibone komprenatajn kaj protektatajn, junulojn liberajn de tiuj antaŭjuĝoj kiuj tro ofte dividas la homojn de nia tempo.

Jen kion ni deziras por ke la morgaŭa homaro estu pli bona ol la homaro hodiaŭa.

*) En unu el la sekvontaj numeroj estos presita noto pri la studo de Esperanto kiel la antaŭpreparo por studi naciajn fremdajn lingvojn.

 EL NATURO KAJ SCIENCO 

# Simileco inter la ĉina kaj egipta ideografio.

(Nia konata samideano S-ro Won Kenn afable havigis al ni presprovaĵojn de sia doktora tezo, el kiu ni ekstraktis kelkajn sciigojn pri la skribo de l' ĉinoj kaj egiptanoj.)

Kiel ĉiuj sovaĝuloj kaj infanoj, same la antikvaj ĉinoj kaj egiptanoj ŝatis desegni sur la muroj, vazoj, iloj, simplajn bildojn kaj ornamajn geometriaĵojn, por la plibeligo aŭ la memorigo. Figuroj de homo, birdo, hundo, arbo k. s. estas facile rekoneblaj sur la plej antikvaj monumentoj kaj iloj de la du nacioj. Poste, dezirante esprimi aliajn ideojn, la antikvuloj komplikigis kaj kunmetis la desegnojn, kiuj ekhavis jam iom da konvencio. Tiel *maljunulo* estis figurita per bildo de viro sin apoganta per bastono, *amikeco* per du homoj mantenantaj unu alian, *malliberito* homo en ĉirkaŭbaro, *vespero* suno en herboj, *arbaro* tri arboj, *aŭskulti* orelo inter du portduonoj, *pluvo* punktetoj sub arko, k. s.

Sed kun evoluo de la nacia kulturo, religio kaj socia organizo la kunmetitaj ideografaĵoj fariĝis aŭ ne sufiĉaj, aŭ tro malfacilaj, veraj rebusoj deĉifreblaj nur por la iniciitoj, kiuj konis la konvencian signifon de la desegnoj. Tial, la praktiko mem puŝis la antikvulojn al ŝanĝo de la skribsistemo. En tiu fazo la ĉina kaj egipta ideografio, ĝis tie similaj kaj paralelaj, komencis disiri, malproksimiĝi unu de alia, ĝis fine ili kondukis al du tute malsamaj sistemoj: egipta silabaro kiu poste naskis fonetikan abocon kaj ĉina nuntempa ideografio.

Egiptaj hieroglifoj do komencis signifi ne nur objekton mem, sed ankaŭ la sonon kiu korespondis al la nomo de tiu objekto. Bildo de la suno (rondo kun meza punkto) komencis signifi ankaŭ la sonon *ra*, ĉar ĝi estas nomo de la suno. Bildo de la pano (triangulo) signifis sonon *dy*, la buŝo — sonon *ro* ktp. Ĉar la konsonantoj estis sole konsiderataj en la egiptana, tial ni havas sonon *hpr* kiu estis bildita per skarabo, *nfr* per liuto, *hs* per monto, k. s. Plua paŝo estis farita antaŭen per tio, ke oni komencis atribui al la konvencie elektitaj bildoj ne plenan sonon, nek silabon, sed nur unuan konsonanton de la korespondaj nomoj. Tial, bildo *buŝo* komencis signifo *r*, *kruro* sonon *b*, *korbo* sonon *k*, *monteto* sonon *q* ktp. Tiel formiĝis la egipta aboco kun 23 konsonantoj Ĉar la vokaloj ne estis notataj, ofte okazis malkompreno, simila je tiu kiu okazus en Esperanto, se oni ne skribus la vokalojn: pn = pano, peno, puno; brk = barko, brako, briko, burko, baroko. Por distingi la diversajn sencojn, t. e. por ĉiufoje indiki la ĝustan signifon de la fonetika signo, estis aldonata ideografia signo klara per si mem. Ekzemple *mr* estis duoblaĵo kiu, laŭ la vokala elparolo, povis signifi: okulo, baseno, serpento, kaso, akacio, ami, alligi, suferi, tereno, remilo. Por precizigi oni akompanis tiun duoblan signon (mr) de bildeto *okulo* por skribi „okulo“, de bildeto *arbo* por skribi „akacio“, de bildeto *kordo* por „alligi“ ktp. Tiu rimedo estas esence la sama kian uzas nunaj naciaj vortaristoj, kiam ili precizigas sencon de homonimoj per enkrampa aldona vorto. Ekzemple en la franca: *tour* (mouvement) *et tour* (machine), en la rusa: *lesa* (arbaro) kaj *lesa* (ŝnureto), en la germana: *Hut* (ĉapelo) kaj *Hut* (ŝirmo).

Ĉar la aldona vorto ne estis necese unu sola, el tio sekvis variado, kaj, ekzemple, vorto *kanti* povis esti skribita per sep diversaj manieroj. Vorto *orelo* estis desegnita per kvin bildoj, el kiuj nur lasta estis bildo de orelo mem, la unuaj kvar estis du silabiloj kaj du abociloj.

Ankaŭ en la antikva ĉina oni estis kondukitaj al la uzo de fonetikaj elementoj. *Ŝafo* sonis *jang* kaj estis bildita per figuro, iom simila al la eŭropa astronomia signo de le Virŝafo. Sed, ĉar vorto *feliĉo* ankaŭ sonis *jang*, oni komencis ĝin desegni per la sama bildeto de la ŝafo. Poste, por diferencigi la du sencojn, oni aldonis al la bildeto de ŝafo subsignetojn, kiam ĝi devis signifi „feliĉo“. Tiel stariĝis duobla sistemo, kiel en Egipto: ĉiu vorto estis figurata per du signaroj; la unua fonetika donis proksimuman elparolon, la dua ideografia donis precizigon pri la senco. Ekzemple, unu sama fonetika signo, elparolita *fang*, povis signifi, laŭ la tono: *aromo, digo, graso, vizito, bramo, ŝpini.* Do, por indiki precize la sencon, oni aldonis determinilon. *Herbo* indikis, ke „fang“ signifas *aromo, fiŝo*, ke „fang“ signifas *bramon, silko*, ke ĝi signifas *ŝpini* ktp. La francaj popolaj vortoj *taupe-grillon, chauve-souris, dent-de-lion*, estas formitaj simil-maniere, ĉe ili mankas nur la ideografia indikilo. Por skribi fremdajn vortojn la ĉinoj uzas la saman sistemon. *Nikelo* estas figurata per du signoj: unua estas fonetika *nik*, la dua estas ideografia „metalo“. *Argono* estas figurata per la fonetika *ar* kaj ideografia „gaso“. Tiuj indikiloj do difinas diversajn kategoriojn da objektoj: bestoj, fiŝoj, arboj, mineraloj, korpopartoj ktp. kaj ili havas idean analogion en niaj sufiksoj: -ist, -ul, -il, -in ktp. Cetere, la ideografia signo neniam estas elparolata, ĝi nur donas la sencon, kaj tial indikas la ĝustan tonon de la fonetika signo.

La unua primitiva kaj la dua meza fazoj de la ideografia skribado estis tre similaj ĉe la egiptanoj kaj ĉinoj. Ne nur la sistemo, ankaŭ izolaj signoj ofte estas identaj. Ĉu oni povus el tio konkludi, ke la du nacioj ĉerpis siajn ideografiojn el unu sama fonto? La ĉinaj legendoj diras, ke la ĉina kulturo venis el okcidento, el Centra Azio. La egiptaj pradokumentoj ankaŭ aludas pri iu blonda popolo „Rudru“, kiu venis el nordo kaj alportis al Egipto la bazojn de la religio kaj de la socia organizo. La hipotezo pri la komuna deveno do ne estas tute senbaza, sed ĝis nun mankas la plinombraj faktoj kaj pruvoj, kiuj povus doni al tiu hipotezo la valoron de la scienca teorio.

*S.-R. Palaĉori.*

## Nuna Hindujo.

Ni prezentas ĉi tie resumon de la parolado de S-ro A. Martineau farita en la Sociologia Societo en Paris. S-ro M. vivis kvin jarojn en franca Hindujo kiel guberniestro.

Pluraj rasoj konsistigas la hindujan loĝantaron, kiu nombras 325000000. La nombro de eŭropanoj tie estas relative eta: malpli ol 300000, t. e. malpli ol unu milono ($^1/_{1000}$).

Bengaloj, penĝabanoj, tamuloj k. a., diferencas unuj de la aliaj, ne nur rase, ankaŭ lingve, religie, more, sed ili ĉiuj havas komunan senton esti anoj de Hindujo, vasta geografia unuo, profunde ĉirkaŭlimita de la naturo mem: Himalajo, Hinda Oceano, Bengala Golfo.

La religioj estas tie reprezentitaj jene:

| | |
|---|---|
| bramana . . . . . | 225000000 |
| mahometana . . . . | 70000000 |
| budhana . . . . | 70000000 |
| animista | 9000000 |
| kristana | 3000000 |
| sikha | 2500000 |
| ĝajna | 1500000 |
| parsa | 100000 |
| juda | 20000 |

La bramana religio, plej disvastigita, estas samtempe la plej tolerema; ĝi prezentas — laŭ sia propra instruo — nur relativan veraĵon, taŭgan nur por hindoj; la absoluta veraĵo ne ekzistas por la hindoj bramanaj, kiuj pro tio ne volas disvastigi sian kredon inter la popoloj, kiuj vivas ekster Hindujo. Ĝi ankaŭ estas pacema, milda religio, kaj ĝi permesis la fremdan jugon de persoj, afganoj, mongoloj, araboj, kaj fine de eŭropanoj.

Tamen, la eŭropa klero, kiu penetris Hindujon kun angla lingvo, konigis al hindoj la ideojn de nacieco, patriotismo kaj politika libereco kaj tiel morale plifortigis la hindan naciismon, kiu estas nun propagandata de absolute pacema *Gandhi*, ankaŭ de ekstremaj teroristoj.

La mahometanaj hindoj unue estis tute fidelaj al angla registaro pro sia malamikeco al bramanaj hindoj. Sed, depost 1911, kiam Italio penetris en Tripolion, malrespektante la rajton de la kalifo, la hindaj mahometanoj komprenis la anglan politikon, kaj ilia fido malaperis. La granda milito, kie angloj agis kontraŭ Turkio, ankoraŭ pli kolerigis la mahometanojn en Hindujo, kiuj nun havas sian ĉefon en persono de *Mohamed Ali*.

Tria persono, ĉiĉoje de angla deveno, S-ino Besant, siavice kontribuis al la hinda naciismo. Antaŭe konata nur kiel prezidantino de Teozofia Societo, kies centro estas en Adyar, apud Madraso, ŝi ĵetis en la hindan amason ideojn pri la sendependeco. Pro ŝia kreskanta populareco ŝi estis malliberita de la registaro, sed poste reliberita pro la London-aj protestoj de la laboristaro. S-ino Besant triumfe revenis al Madras, kie pli ol 500000 entuziasmaj hindoj ŝin aklamis. Okaze de ŝia naskotago la hinda monkolekto prezentis al ŝi donace 1000000 frankojn. En 1917 S-ro *Montagu*, brita regna sekretario, venis Hindujon por enketi pri la naciista movado. El tio sekvis en 1918 la politikaj reformoj por Hindujo, kiu de nun havas lokan registaron, elektitan per voĉdonado, kun ministroj el hindoj. Malgraŭ la cedoj la abismo inter hindoj de ĉiuj religioj kaj angloj jam malfermiĝis, kaj la movado por memstara Hindujo kreskas ĉiutage. Iuj celas plenan sendependecon, ceteraj Dominion-ŝtatecon kiel Kanado aŭ Irlando.

## NOTOJ

**Movado de la aera servo.** — Subaj ciferoj montras, ke la aviada poŝto kaj vojaĝado eniras la vivon, kaj ke ĝi iom post iom fariĝas normala faktoro en la moderna postmilita epoko. Unua ekzemplo: linio Paris—London, kiu servas al la du plej grandaj eŭropaj centroj, relative proksimaj unu de la alia.

| | Aviadiloj | Vojaĝintoj | Varoj en kg |
|---|---|---|---|
| 1919 . . . | 485 | 696 | 6882 |
| 1920 . . . | 3359 | 6856 | 120745 |
| 1921 . . . | 4022 | 13369 | 150329 |
| 1922 . . . | 4710 | 18904 | 454412 |
| 1923 . . . | 3333 | 11605 | 667732 |

Dua ekzemplo: linio New-York—San Francisco, kiu servas nur por la poŝto, komparita kun samspeca linio Toulouse—Casablanca.

| | T.—C. | N.-Y.—S. F. |
|---|---|---|
| 1921 . . . | 327805 | 46620280 leteroj, |
| 1922 . . . | 1407325 | 60487880 leteroj. |

**Trafiko tra Suez.** — Pli ol 230000 vojaĝantoj ĉiujare veturas el aŭ al Eŭropo tra la Sueza kanalo. Pro la senĉesa sedimentado la estraro ĝin senĉese „dragas“ per specialaj ŝipoj. Ĉirkaŭ 5000000 kubmetroj estas ĉerpataj el la fundo. La kompanio enspezis dum la 1924 pli ol 500000000 francajn frankojn, pagitajn por la rajto de la traveturo. Meznombre tiu traveturo daŭras 15 horojn. La diversnacieco de la ŝipoj estas montrita en suba tabelo, kie unua ciferkolono donas nombron de traveturoj, la dua donas tunkvanton, ĉio en la 1924.

| | | |
|---|---|---|
| Brita . . . . . . | 2973 | 15000000 |
| Nederlanda . . . . | 489 | 2500000 |
| Germana . . . . | 350 | 1650000 |
| Franca . . . . . | 304 | 1500000 |
| Itala . . . . . . | 278 | 1480000 |
| Japana . . . . . | 149 | 870000 |
| Amerika . . . . . | 137 | 790000 |
| Norvega . . . . . | 105 | 370000 |

**Indiĝenoj de Aŭstralazio.** — Prof. J. Danesh, konata pro siaj geologiaj studoj, publikigis antaŭ ne longe la rezultaĵojn de siaj esploroj pri la aŭstralazianoj. Resumo de liaj esploroj povas interesi ĉiujn amantojn de la naturscienco. Ĉiuj indiĝenoj de Aŭstralio kaj Oceanio, krom tiuj de Poli-Mikro-nezio, apartenas al negroida raso azidevena, kiuj migris el Azio suden jam en la paleolita (krudŝtona) epoko. Tasmanianoj, unuaj el la almigrintoj, jam malaperis ekstermitaj de la blankuloj. En Aŭstralio mem la negroidoj estas tre malmultaj. En Melanezio, Nova Gvineo, kaj parte Nova Kaledonio, la negroidoj miksiĝis kun pli postaj migruloj, negridoj kaj aliaj rasoj. Indiĝenoj de Mikro- kaj Polinezio, Nova Zelando, apartenas al pli alta kulturgrado kaj al pli hela raso, kiu rezultis el intermikso de terkulturaj negridoj kaj iuj azianoj, parencaj al nunaj ainoj, japanoj, indoĉinoj. La kulturo de ĉiuj aŭstralazianoj evoluis ĝis la „neolita“ (polurŝtona) stadio, kaj tiam venis la blankuloj kun sia maŝinaro, armilaro, kiuj kontraŭagis la primitivan kulturon de la indiĝenoj.

**Astronomiaj fenomenoj en 1926.** — Eklipso de suno, 14 januaro, videbla en Japanio, Koreo, Ĉinio, Aŭstralazio, Hindio, Arabio, Suda Malgranda Azio, Egipto, Libio, Sudano, kaj cetera Sud-Orienta Afriko. Eklipso de suno, 9-10 julio, videbla en Vladivostoko, Japanio, Koreo, Ĉinio, Aŭstralazio, Alasko, Usono, Meksiko kaj cetera Centra Ameriko, norde de Panamo. Steloj kovrotaj de luno (tempo de Greenwich):

| Dato | Stelo | Lumgrando | Kovro | Malkovro |
|---|---|---|---|---|
| 15 aprilo . . | delta Tauri | 3,9 | 17 h. 14 m. | 18 h. 25 m. |
| 19 majo . . | 37 Leonis | 5,5 | 22 h. 5 m. | 23 h. 8 m. |
| 12 junio . . | 63 Gemin. | 5,3 | 20 h. 53 m. | 21 h. 45 m. |
| 31 julio . . | mi Ceti | 4,4 | 23 h. 47 m. | 0 h. 40 m. |
| 21 septembro | 33 Pisc. | 4,7 | 19 h. 13 m. | 20 h. 13 m. |
| 25 oktobro . | mi Gemin. | 3,2 | 23 h. 48 m. | 0 h. 31 m. |
| 19 decembro | mi Gemin. | 3,2 | 18 h. 23 m. | 19 h. 29 m. |

**Marconi aŭ Popov?** — Italaj samideanoj protestis kontraŭ la noto pri la oficiala poŝtmarko kun teksto: „Inventisto de Radio — Popov“, kiu aperis en novembra „Esperanto“. Evidentas, ke la protesto ne venis al la ĝusta adreso, ĉar ni atentigis nur pri la uzo de nia lingvo. Sed, ankaŭ nin ekinteresis la demando, ĉu vere *Marconi* havas pli da rajto ol *Popov* al la gloro esti unua inventisto de l' radio-aparato; foliuminte kelkajn fontoverkojn ni trovis, ke nek Marconi nek Popov povas esti nomita *unua inventisto* de la radio; ambaŭ estas vere inter la inventistoj, kiuj parto prenis en la kolektiva, paŝ-post-paŝa kreo de la radio. Germana fizikisto *Hertz* eltrovis la elektrajn „ondojn“, poste franca fizikisto *Branly* elpensis la „koherilon“, tubeton kun ferfajlaĵo sen kiu ne estis eble konstrui la radio-aparaton (ricevan), kiel sen la unua estis neebla la konstruo de la senda radio-aparato. Poste, kiam teorie la radio jam estis eltrovita (aŭ pli ĝuste: elpensita), venis la momento konstrui kaj funkciigi la aparaton. Nu, la historio, domaĝe por la protestintoj, diras, ke estis *Popov*, kiu unua konstruis la aparaton (malgrandan) kaj funkciigis ĝin (je malgranda distanco). Fine *Marconi* refaris la samon en pli granda skalo, kaj li estis unua kiu iniciatis la starigon de Radiokompanio sur forta industria kaj financa bazo.

# LITERATURO

## El „La Ĝardenisto"

de *Rabindranath Tagore.*

### *La sepdekunua poemo.*

La tago ne jam finiĝis, la foiro ne jam ĉesis, la foiro ĉe la riverbordo.

Mi estis timinta, ke mia tempo estas perdita kaj mia lasta penco malŝparita.

Sed ne, mia frato, retenis ankoraŭ ion. Mia sorto trompis min ne pri ĉio.

La vendado kaj aĉetado ĉesis.

Ĉiuj pagoj de ambaŭ flankoj estas prenitaj, kaj estas la tempo por mi iri hejmen.

Sed, pordgardisto, ĉu vi postulas vian tributon?

Ne timu, mi retenis ankoraŭ ion. Mia sorto trompis min ne pri ĉio.

La trankvileco de l' vento minacas ventegon, kaj la malhelaj nuboj signifas nenion bonan.

La kvietigita akvo atendas la venton.

Mi rapidas por transveni la riveron antaŭ kiam la nokto surprizas min.

Ho, pramisto, vi bezonas vian rekompencon!

Jes, frato, mi retenis ankoraŭ ion. Mia sorto trompis min ne pri ĉio.

Sur la vojrando sub arbo sidas almozulo. Ve, li rigardas al mia vizaĝo kun tima espero!

Li pensas, ke mi estas riĉa pro la profito de l' tago.

Jes, frato, mi retenis ankoraŭ ion. Mia sorto trompis min ne pri ĉio.

La nokto iĝas malluma kaj la strato soleca. Lampiroj briletas inter la folioj.

Kiu estas vi, kiu sekvas min per ŝteliste silentaj paŝoj?

Ha, mi scias: estas via deziro rabi de mi ĉiun mian gajnaĵon.

Mi ne volas vanigi vian esperon!

Ĉar mi retenis ankoraŭ ion, kaj mia sorto trompis min ne pri ĉio.

Noktmeze mi atingas mian hejmon. Miaj manoj estas malplenaj.

Vi estas atendanta kun timaj okuloj en mia pordo, sendorma kaj silenta.

Kiel timema birdo vi flugas al mia brusto kun fortega amo.

Jes, jes, mia Dio, multo restas ankoraŭ. Mia sorto trompis min ne pri ĉio.

* * *

### *La sepdekkvara poemo.*

En la aŭdienchalo de l' mondo la simpla herbfolio sidas sur la sama tapiŝo kun la sunradio kaj la steloj de noktmezo.

Tiel miaj kantoj komunhavas siajn sidlokojn en la koro de l' mondo kun la muziko de la nuboj kaj arbaroj.

Sed, vi riĉa viro, via riĉaĵo ne havas parton en la simpla grandeco de l' gaja sunoro kaj la milda brilo de l' meditema luno.

La beno de la ĉion-ĉirkaŭprenanta ĉielo ne estas ŝutita sur ĝi.

Kaj kiam la morto aperas, ĝi paliĝas kaj velkas kaj disfalas je polvo.

* * *

### *La kvardektria poemo.*

Ne, miaj amikoj, neniam mi estos asketo, kion ajn vi diros.

Neniam mi estos asketo, se ŝi ne donas la solenpromeson kun mi.

Estas mia firma decido, ke, se mi ne povas trovi ombran azilon kaj kunulinon por mia pentfaro, mi neniam iĝos asketo.

Ne, miaj amikoj, neniam mi forlasos mian fajrujon kaj hejmon kaj retiriĝos en arbar-solecon, se ne sonas gaja ridado en ĝia eĥanta ombro kaj se ne la rando de safran-mantelo flirtas en la vento; se ĝia silenteco ne estas pliprofundigata per mallaŭta flustrado.

Neniam mi estos asketo.

* * *

### *La sepdekkvina poemo.*

Noktmeze deklaris la esti-vola asketo:

„Jen la tempo por forlasi mian hejmon kaj serĉi Dion. Ha, kiu tenis min tiel longe ĉi tie en iluzio?"

Dio flustris: „Mi!", sed la oreloj de la viro estis ŝtopitaj.

Kun infaneto dormanta sur ŝia brusto kuŝis lia edzino pace dormanta sur unu flanko de la lito.

La viro diris: „Kiu estas vi, kiu malsaĝigis min tiel longtempe?"

La voĉo diris ree: „Ili estas Dio!" sed li ne aŭdis tion.

La infaneto ekkriis el sia sonĝo dense alpremiĝante al sia patrino.

Dio ordonis: „Haltu, malsaĝulo, ne forlasu vian hejmon!", sed tamen li ne aŭdis.

Dio ĝemis kaj plendis: „Kial mia servanto migras por serĉi min, forlasante min?"

## La okdekkvina poemo.

Kiu estas vi, legonto, kiu legos miajn poemojn post cent jaroj?

Mi ne povas sendi al vi eĉ nur unu floron el tiu ĉi riĉaĵo de l' printempo, ne unu strion de oro el tiuj nuboj.

Malfermu vian pordon kaj elrigardu.

El via floranta ĝardeno kolektu bonodorajn memoraĵojn al la malaperintaj floroj de antaŭ cent jaroj.

En la ĝojo de via koro vi eble sentos la viglan ĝojon, kiu kantis iun printempmatenon, sendante sian gajan voĉon trans cent jarojn.

Trad. *Walter Lippmann.*

---

# Skulptarto en Ameriko.

En praa tempo la indiĝenoj de Ameriko, kiel en la tuta antikva mondo, produktis mallertajn, naivajn, ankaŭ artajn skulptaĵojn. Unua bildo montras antikvan meksikan reliefon, parton de unu altaro en templo de ruinita urbo (distrikto Chiapas). Tiu reliefo estas bela specimeno de pure amerika loka arto, kiu



pereis, kun la loka nacia kulturo, sub senkompata jugo de l' eŭropanoj, kiuj „malkovris" kaj „civilizis" la du Amerikojn. Post tiu malhela epoko pasas pli ol du jarcentoj kaj la arto, enportita el Eŭropo, inokuliĝas kaj floras en Ameriko. Ni vidu kelkajn ekzemplojn de la nova amerika skulpturo, kiu evoluas paralele kun la eŭropa.

*Gutzon Borglum* estas unu el la plej talentaj kaj tipe-amerikanaj skulptistoj. Li naskiĝis kaj vivas en Usono. Kiel infano li jam pentris sanktulojn kaj madonojn, laŭ la postulo de la lernejestro. Tiu deviga pentrado de la oficialaj modeloj tiom tedis lin, ke li forkuris kaj revenis al Kalifornio. Tiu infana revolto kontraŭ la senviveca tradiciismo fariĝis poste lia karaktera trajto. Li studis en Parizo kaj Madrido, sed restis fidela al la



spirito de sia hejmolando. Cetere Borglum forlasis ĉiujn konvenciojn kaj kreas tiel kiel volas lia libera personeco. Li ne sekvas iun skolon, sed ĉerpas el la ĉiuj tion kio helpas al li



konkretigi la imagataĵojn. Speciale li studis ĉevalojn, kaj ilin li prezentas kun rimarkinda realeco kaj viva sento. Dua bildo prezentas lian „Reveno de boero". Al Borglum estas komisiita

la grandioza historia monumento pri a Abolicionista milito, kiu konsistos el du mil figuroj, kiu estos finita post ok jaroj da laboro je kosto de 2.000.000 dolaroj.

*James Fraser* naskiĝis 1876 en ŝtato Minnesota. Kiel junulo li eniris Artan Instituton de Chicago, sed baldaŭ forlasis ĝin por veni al Parizo, kie li tiom rapide progresis, ke jam en la aĝo de 22 jaroj li estis premiita kiel la plej talenta usonano partopreninta en la Salono. Fraser estis disĉiplo de *Aug. Gaudens*, fama usona skulptisto, kiu favore protektis sian junan lernanton. Busto de Roosevelt, lokita en Capitol de Washington, estas unu el liaj konataj belaj verkoj. Multaj medaloj kaj moneroj de Usono estis bareliefitaj de Fraser.

*Daniel French* skulptis jam kiel infaneto, ludante. Farinte, preskaŭ sen sistemaj studoj, kelkajn belajn statuojn en Usono, French foriris al Firenze, por tie enspiri la fortan aeron de itala arto. Li estas la plej potenca monumenta skulptisto en Usono. Liaj viglaj verkoj vidigas samtempe riĉan fantazion, komprenon de l' realaĵo, larĝan imagon, energion de l' ĉizilo. Tro multaj estas liaj artaĵoj. Interalie la ĉefa fasado de Nov-Jorka dogano estas ornamita de liaj kvar grupoj: Eŭropo — nobla virino kun reĝa kroneto, apoganta sian manon sur la libro, Afriko — dormetanta sovaĝulino inter la morta sfinkso kaj viva leono, Azio — revanta mistika persono kun simboloj de la ĉefaj religioj, kaj Ameriko — energia junulino kun torĉo, havanta ĉe siaj piedoj laboriston. Tria bildo prezentas memor-plakon dediĉitan al juna liceanino Alice Palmer (kiun „Alma Mater“ gvidas).

*Charles Niehaus*, naskiĝis en Cincinnati, estis rimarkita kiel bona desegnisto en sia naskurbo, kaj poste vojaĝis por studi en Anglujo, Francujo, Italio, sed ĉefe en München. Niehaus estas precipe la skulptisto de historio, kvankam li produktis ankaŭ klasike belajn statuojn, kiuj memorigas pri la Hellada arto, ekzemple „La Atleto“. Niehaus sukcesis ricevi unuan premion kaj mendon por sia projekto de la monumento al F. S. Key, aŭtoro de „Star Spangled Banner“, la usona nacia himno. En la konkurso partoprenis 34 usonaj skulptistoj, kaj el ili nur Niehaus estis honorita per unika premio. En la Nacia Biblioteko de Washington troviĝas lia rimarkinda serio da statutoj, komencante de Moseo, kiu prezentas historiajn epokojn.



*Felix Pardo de Tavera*, naskita en Filipinoj, unue studis en Manilla, kies kolegô konservas lian unuan pentraĵon „Virgulino Maria“, la infanan verkon. Poste li forlasis la arton, eniris medicinan fakultaton en Paris, kie li doktoriĝis en la medicino. Sed la frua inklino lin ree vokis al la arto, kaj li dum du jaroj studis en la Belarta lernejo. Poste en Svislando li komencas skulpti la argilon. En 1889 li estis premiita en la Salono pro sia „Virino enpensiĝa“. Jam fama en la artaj rondoj li forlasis Eŭropon kaj venis Argentinon, kie li definitive ekloĝis en Buenos Aires.



*Cyrus Dallin* dediĉis parton de sia talento al tiu popolo, kiu estis maljuste detruata je la nomo de „kulturo“, kaj kies belajn trajtojn skizis Maine Reed, Gustave Aimard kaj Fenimore Cooper. En serio da statuoj Dallin simbole prezentis esencajn kvalitojn kaj destinojn de la Ruĝhaŭtuloj. Kvara bildo montras lian verkon „La Protesto“. Tiu figuro ĵetas al la palvizaĝa malamiko riproĉon kaj malbenon pro la sangaj maljustaĵoj, kiuj sekvigis la ekstermon de la indiĝena raso. La krispe kunpremita pugno, la pozo de neniam obeonta rajdisto, la maldolĉa kaj energia profilo, simbolas tiun faman lukton, kiu finiĝis venke sed malglore por la blankuloj. Nia lasta bildo prezentas alian verkon de Dallin: „Alvoko al la Granda Spirito“, kiu havigis al la skulptisto oran medalon en la Pariza Salono 1909. La indiano, reprezentanta mizerajn restaĵojn de sia raso, senigita je la plej sanktaj rajtaĵoj, forpelita el siaj hejmaj arbaroj kaj stepoj, kie libere spiris liaj prapatroj, nun — fizike kaj morale rompita — preĝas al la Supera Potenco, al la Ĉiela Patro, petante lin pri la savo, pri la justeco, pri la indulgo. La blanka raso elpuŝis la ruĝan, kaj nun — kvazaŭ bedaŭre — la blankuloj volas savi la lastajn restaĵojn de l' indianoj, se ne reale, almenaŭ per la arto, en la bildoj kaj skulptaĵoj. Kaj en tiu savado de l' bela pasintaĵo la verko de Dallin okupas honoran lokon. Ĝi estas verko de alta morala senco kaj de la eterna valoro. *P. S.*

# *La Monto estas iniciado*

lau *Emile Duperrex.*

Roma poeto-filozofo Lucretius diris: „... ne la sunradioj mem, sed la aspekto de la naturo kaj ĝia klarigo dispelas la teruron kaj la mallumon de la amo." La unuforma nokto inklinas al la ofte sterila abstraktado, kaj nur la granda lumo, kiu superbanas la nekonatan naturon, nur ĝi vivigas ĉiun aĵon, devigante ĝin fordoni al ni la sekretojn, kiuj estas ĝiaj belo kaj forto.

* * *

Mi jam konis la sovaĝajn valesajn montojn, brilajn de la lumo. Mi jam admiris la purformojn kaj stabilecon de la Berna Alparo, la diversecon de la Gothard-a masivo. Kaj nun, mi alproksimiĝis al la Monto-Blanka, ĝis nun nur apenaŭ traviditan el la nebulaĵo de l' Arva valo. Haltinte en izola vilaĝeto, malproksima de la bruoj de l' valo, for de la vulgara popolamaso, mi havis antaŭ la okuloj preskaŭ kompletan sintezon de la alpo-formoj, de la Charmoz ĝis la Montjoie-valo.

Ruinanta ĉeno, erinaciĝo de pintoj, neĝaj kampetoj; poste, sur pli larĝa bazo, mirinde ekvilibrita la Suda Kudrilo, akompanata de la glaci-gigantoj; fine la Kudrilo de Bionassay, blankenigra spino, kies harmonia fallinio kondukas al la mildaj prealpoj de Savojo. Tiom stranga strukturo malordigis miajn sentojn kaj miajn antaŭajn konceptojn pri la montaro. Tiu aro da vidaĵoj ne similis ion ajn konatan. Kaj plue, mi ankoraŭ pli surprizita estis de kelkaj neatenditaj aspektoj de l' alpa naturo. Kaj iom post iom mi komprenis la diron de Michelet: „La Monto estas iniciado."

* * *

„Ĉu ci vidas tiujn superlimajn spinojn, kiuj ĉielen montas fajretadante, unuj kiel arĝentomasoj, aliaj kiel purpuro aŭ opalo, triaj verdaj kiel smeraldo? Oni dirus — diamanto plena je suno." (Ramayana Ayodyakanda). Tiuj malrapidaj supreniĝoj de la montoj ŝajnas esti la aspiroj de la tero al la lumo, al la liberspaco, al la vivo malligita for de la kotaĵo. Tial, la montirado de la homo sur la helaj pintoj, kie la silento revas, ŝajnas esti liberiĝo, faciliĝo de la spirito, plensatiĝo de l' sentoj ekzaltitaj. Pro la instinkto ni emas imagi la superajn potencojn, nevideblajn feojn, kiuj produktas la naturfenomenojn. Iaj koincidoj nin mirigas, kaj timigas. Do, la naturo aperas al ni kiel templo, kies diaĵoj, multeformaj, sin manifestas ĉiumomente. Vestiblo de tiu templo estas la ebenaĵo, kaj ĝia sanktejo estas la monto.

Por iuj, kiuj sin sentas ekster la civilizacio, kia ĝojo retrovi tie la liberan vivon, la sanktan, la fortan vivon ... Sed domaĝe, ankaŭ la amaso da indiferentuloj are enpaŝas tiujn domenojn de la simpleco kaj de la paco. Enfermitaj en sia mallarĝa vanteco, tiuj limituloj neniam komprenos la superan simbolon de Alpoj, neniam tuŝos ilin la savanta iniciado. Ili venas-foriras senzorge sur la vojetoj, kaj iliaj ridoj malharmonie sonas en la blua aero de l' altaĵoj. Tiu morala mizero des pli igas nin ami la monton kiu malkaŝas al ni unu el superaj naturbelaĵoj.

* * *

La monto unufoje aperis al mi en sia glora simpleco, kaj mi sentis, ne komprenante tion, ke ĝi estis ia realaĵo, ia brilega realaĵo, kiun oni vane diigus. Necesas alsimiliĝi je ĝia naturo, fandiĝi en ĝi, forlasante niajn homajn pensojn kaj juĝojn. Necesas nin iniciati por tiu stranga vivo, kie ĉiuj ordinaraj valoroj ŝajnas etaĉaj. Sed tiu iniciado ne plenumiĝos, ĉar nia vivo estas nur mallonga vekiĝo el la eterna dormo. Ni frotas la eldormemajn okulojn, kaj kiam ili ekmalfermiĝas, jam venas la morto por ilin refermi. Sed ne gravas. Tiu ekiniciado sufiĉis por iom nobligi nian ekzistadon, kaj fine mi rememoras unu verson de Ennius: *Tu produxisti nos intra luminis oras* (ci kondukis nin tra lumaj bordoj).

---

# Mia unua pantalono.

Humoraĵo de *Abel Kommok.*

Mi havis ses jarojn, kiam mia patrino donacis al mi unuan pantalonon, pri kiu mi jam delonge revis. Delonge ... tio estis depost multaj monatoj. En tiu rava aĝo la tempo marŝas alie ol nun, kiam mi jam estas „onklo." Do, revenante al mia unua pantalono, mi ĝin ricevis nur en la sesjara aĝo, la aĝo relative granda, ĉar tiuepoke mi jam sciis legi kaj skribi (per presformaj literoj). Antaŭe, t. e. antaŭ mia unua pantalono, mi estis vestata kiel knabineto, kaj miaj helkaŝtanaj haroj pendis ĝis la mezo de la dorso. Neniu, krom nia familio, povis supozi ke mi estis knabeto. Kompreneble, mi ne kalkulas la najbarojn, la geonklojn kaj gekuzojn, nek la homojn de nia strato, kaj la bubojn de nia kvartalo, sed ĉiuj aliaj eĉ ne supozis ke mi ne estas knabineto, des pli ke ili ordinare ne atentis pri mi. Mi ekrevis pri la pantalono depost tiu tempo kiam la buboj de nia kvartalo klarigis al mi ke la knabinetoj estas aĉaj, ke estas fie por la knabo esti vestita kiel la knabinaĉo. Mi multe amis miajn vestaĵojn, sed post tiuj klarigoj ili ne plu plaĉis al mi, kaj mi komencis atente observi ĉiujn pantalonojn, kiuj preterpasis min, aŭ staris apud mi. Ŝajnas ke en tiu periodo de mia vivo mi akiris la plej grandan sperton pri ĉiuj pantalonoj de nia urbeto, kaj nun — post 50 jaroj — mi ankoraŭ estas kapabla detale priskribi la formon kaj la koloron de pantalonoj kiujn portis la famuloj kaj nefamuloj de nia urbeto. Eĉ okazis, ke dum la enterigo de nia eks-urbestro, estante inter la funebra publiko, mi klare rememoris ... Sed, pardonu kara leganto, ni revenu al mia temo. Do, la patrino detranĉis miajn longajn harojn, dum mi maldolĉe ploris, ĉar mi multe amis miajn silkecajn harojn, ĉar la tondilo estis dolorige malvarma, kaj la hareroj falis tra la koluma interspaco, kaŭzante netolereblan jukon sur la dorso, enpikante mian delikatan haŭton. Krome, mi instinkte sentis ke kun la haroj pereas io intime mia,

ke finiĝas la dolĉa periodo de mia vivo, ĝis nun mole protektita de la gepatroj. Fininte la tranĉadon, la patrino, kiu senĉese diris al mi karesajn vortojn kiuj tute ne kortuŝis min, tuj poste donis al mi en la buŝon du plenajn kulerojn da ĉeriza konfitaĵo, kun la kernetoj, kiuj donis al mi tiom da zorgoj, mi ja timis engluti eĉ unu el ili, ke la ploroj subite ĉesis, kaj kun la larmoj sur la vangoj mi malrapide dismaĉis la dolĉaĵon, atenta pri ĉiu kerneto, kiu en ĝusta momento devis estis ĉirkaŭsuĉita kaj elbuŝita sur la manplaton. Tamen la grava minuto de la enpantalonigo proksimiĝis. Mi sidis sur la malalta kanapo, la kruroj en la aero, dum la patrino kudris unu butonon kiu mankis. La butono alkudrita, kion mi perfekte vidis malgraŭ la plena buŝo kaj la neoportuna pozicio, la patrino eksidis apud mi, prenis mian dekstran kruron, kaj komencis meti sur ĝin la korespondan tubon de la pantalono. Ĝuste en la sama momento — nia hundeto Bubu saltis sur la kanapon, kaj flate svingante la vosteton, ĝi rapide eklekis mian vangon malsekan de la ploro. Tio estis super miaj fortoj: tiom solena minuto, kaj tioma arogo! Per ĉiuj miaj fortoj mi turniĝis por deĵetegi la abomenan Bubu . . . sed miaj piedoj, jam implikitaj en la pantalono, haltigis duonon de mia korpo, dum la alia duono, la kapo antaŭen, ruliĝis sur la plankon. Unu pantalonero restis en la manoj de mia konsternita panjo, la alia estis sur mia maldekstra kruro . . . La pantalono estis perfekte duondividita, kiel per la tondilo, kaj tiu rezulto min tiomege surprizis ke mi unue forgesis ekplori, kiel decis laŭ la cirkonstancoj. En la sekvinta momento mi jam komprenis la tutan gravecon de mia krimo, kaj la tutan neripareblon de la katastrofo; en la tria momento mi jam estis kureganta el la ĉambro, kaj en la kvara momento mi jam profunde kaŝiĝis en la densa arbustaro de nia ĝardeno, la sola kaj la plej certa mia rifuĝejo. Estis por mi tute nova la sento de la malvarmo ĉe la kapo ĵus tondita, dum mi kuris, kaj tiu nova sentaĵo iom timigis min. Mia panjo kuretis post mi, kaj poste haltis antaŭ la arbustaro (en tiu sekundo mi triumfis kaj samtempe kompatis la panjon nekapablan eniri en la arbustaron), sendante al mi karesajn vortojn, petojn reveni, promesojn doni la konfitaĵon, kaj klarigojn ke nenio grava okazis. Mi unue silentis, sed baldaŭ ne povis enteni la vortojn respondajn al la patrino: „mi ne volas eliri, mi ne volas . . ." Subite — io lumigis la panjan vizaĝon, ŝi ekridetis kaj rapide malaperis. Mi estis pro tio tre ĉagrenita, eĉ profunde ofendita, ĉar ĝuste mi jam emis cedi al la petegoj de la patrino, emis elrampi por faciligi min per ploretado sur la panja brusto . . . Sed la panjo malaperis, kaj mi eksentis min malfeliĉega, forlasita, perdita. Sed tio ne longe daŭris. Jen ree aperis la panjo kun la pantalono riparita, ree kunkudrita, enorda, kiun ŝi larĝe tenis antaŭ si, kvazaŭ la standardon de la paco. Senvorte kaj ridete ŝi marŝis al mia arbustaro, dum samtempe mi rapide elgrimpis renkonten al ŝi. Brila momento. La plej feliĉa momento en mia vivo, antaŭa kaj posta.

Tri minutoj sufiĉis por min plene alivestigi en la pantalonon, ĉemizeton zonitan, kaj la kasketon. Kun la bastoneto mi ekmarŝis tra la korto, ankoraŭ ne kuraĝa eliri la straton, kie mi timis atakon de la buboj, kiuj uzis ĉiujn pretekstojn por la petoloj kaj insultoj. Ideo reveni hejmen por ree vesti min en la knabineta kostumo aperis en mia kapo, ĉar mi ne povis min decidigi elpaŝi en la straton knabe-vestita. Sed la malvarmeto de la kapo min memorigis ke mi ne plu estas tiu kiu portis la malknaban vestaĵon; tiu penso donis al mi la forton kaj mi gaje elkuris en la straton, svingante la bastonon, kvazaŭ minacante al iu nevidebla malamiko. La buboj min unue ne rekonis, sed tuj poste aklamis per la pepega „hurra", kaj ni komencis la saltludojn. Kiam vespere, kun la pantalono makuletita, polva kaj iom disŝirita, mi revenis hejmen, mi jam amis ĝin, mi estis fiera pri ĝi, kiel soldato fieras per la uniformo kugleborita, aŭ fieras maristo pri la vestaĵo senkolorita per la ŝprucoj da ondoj de l' ventego.

# Legendo.

*Moto:*
*Jen etendiĝas antaŭ ni*
*En subĉiela sfero,*
*Revita nia Arkadi'*
*Kaj Promesita Tero.*
A. Grabowski.

*Ofte da pensoj zorgoplenan aron*
*Flugila revo en estonton pelas*
*Post tiu ŝipo, elnaĝinta maron*
*De historio . . . Kien sortoj velas?*
*Ĉar koro volus levi jam kurtenon*
*De tiu Morgaŭ kaj vidi havenon!*

*Jen pasas tagoj, jaro post la jaro*
*Iras sennombra de l' koroj tributo.*
*Ie jam bildo de nova homaro*
*Okulojn logas sur verda reduto —*
*La mondo nova, kvankam en nebuloj,*
*De pli feliĉaj niaj posteuloj.*

*Kor' volus scii: ĉu post la jarmiloj*
*Donos rikolton ĉi-sendanka peno?*
*Ĉu alvenontaj iam niaj filoj —*
*Pri ni forgesos aŭ laŭdos per beno?*
*Ĉu, kiam venos de l' epokoj solvo,*
*Ni putre kuŝos sub tavol' de polvo? . .*

*Se estus ebla tia antaŭvido,*
*Unu profeta ektremo de l' koro:*
*Kien kondukas de Stel' nia gvido,*
*Ĉu lum' ĝi estas, ĉu nur meteoro —*
*Scii, ĉu Morgaŭ, misteron kaŝanta,*
*Sonos per lingvo nia Esperanta?!*

*Ĉu sole iuj histori'-fosistoj*
*Sur tagan lumon prezentos rakonton*
*Pri ni — pasintaj jam esperantistoj,*
*Kiuj pupilon fiksis en estonton —*
*Kaj kredis forte, en ardeco pia,*
*Ke estos unu rondo familia? . .*

*Ĉu intereson sole, ĉu profundan*
*Kortuŝon vekos maltrafinta sorto,*
*Se nian revon, kiel am' senfundan,*
*En tombon metos kun ni nia morto,*
*Ĉu eĉ el tombo nia senŝancelo*
*Al posteuloj brilos kiel celo?*

*Ofte da pensoj zorgoplenan aron*
*Flugila revo en estonton pelas*
*Post tiu ŝipo, elnaĝinta maron*
*De historio . . . Kien sortoj velas?*
*Ĉar koro volus levi jam kurtenon*
*De tiu Morgaŭ kaj vidi havenon!*

*Ĉu ni la firma el oro ĉenero,*
*En nefiniĝa de l' homaro ĉeno,*
*Ĉu nur de l' revoj flugilaj mistero —*
*De efektivo kaj song' miskompreno,*
*Ĉu ni ĝerm' estas en plugita fendo,*
*Ĉu nur mirinda fabelo — legendo? . .*

Stanislaw Braun.



# LINGVAJ STUDOJ

## Enkonduko al la fonetiko

*de P. Stojan.*

(En tute simplaj vortoj ni penas ĉi tie konigi al nia legantaro la ĉefajn trajtojn de la fonetiko, ĉar tiu scienco estas ĝis nun preskaŭ nekonata por la plimulto).

**Objekto de la fonetiko.** Sonoj de la parolata lingvo povas esti studataj el diversaj vidpunktoj. La *akustiko*, parto de la fiziko, ilin konsideras kiel aerovibradojn, same kiel sonojn de muziko, bruojn de naturo k. a. La *fiziologio* studas strukturon kaj funkciadon de la voĉorganoj, kiuj produktas la parolon. La *psikologio* esploras rilatojn inter la parolo kaj la anima stato de la parolanto. La *sociologio* ekzamenas la parolon kiel utilan socian fenomenon, intime dependan de la geografiaj, etnikaj, ekonomiaj kaj politikaj cirkonstancoj. Sed la *fonetiko*, profitante el kvar nomitaj sciencoj, studas sonojn de la parolo el la *lingvistika* vidpunkto. Do, la objekto de la fonetiko estas sonoj de la homa parolo, esence de la natura homa parolo, libera de la lerneja eduko kaj de la influo de la skribata lingvo. Fonetisto, kiu studas sonojn de iu natura lingvo, serĉas homojn, se eble, senabcajn (ne sciantajn legi kaj skribi), kiuj vivis en regiono de sia lingvo, sen influo de fremduloj, kleruloj, k. a. Kaj la fonetisto evitas ekzameni sian homon tute rekte, ĉar tiu, timante fari „erarojn", ne plu parolos sian ĉiutagan lingvon, sed penados imiti tiujn, kiujn li antaŭe aŭdis kiel instruitajn personojn, ekzemple li imitos sian pastron, vilaĝestron, k. a. La fonetikisto ne atentas pri la nuna ortografio de la skribata lingvo, escepte se la ortografiaj „eraroj" povas lin instrui pri la dialektaĵoj de tiu kiu ilin faras. La bazo de ĉiu lingvo estas nur la parolo, la viva lingvo, la sonoj kaj la korespondaj organ-movoj. Homoj kun elementa — kaj iufoje kun unuflanka supera — instruiteco opinias ke la „vera" lingvo estas tiu kiun ilin trovas en bonaj libroj; pro tio ili atribuas al la literoj, skribaj formoj, ortografiaj reguloj, tro da graveco, kaj ili ankaŭ tendencas ŝanĝi sian naturan elparolon sub la influo de l' ortografio. La plej bonaj sistemoj de ortografio, ekz. la hispana kaj serba, estas tamen nekontentigaj, ĉar per 25—35 literoj ili ne kapablas reprezenti pli ol 60—70 sonojn, elementajn sonojn, de la lingvo.

**Historia noto.** Unuaj fonetistoj estis tiuj nekonataj prehistoriaj saĝuloj, kiuj elpensis unuajn abocojn, ĉar, por ilin elpensi kaj realigi, tiuj saĝuloj analizis sonojn de sia lingvo. Primitiva skribado estis ideografia, bilda, desegna, ĝi ne sonojn, sed ideojn mem reprezentis: ekz. cirklo signifis sunon aŭ jaron, triangulo — kabanon, renversita angulo — birdon, k. a. Nur poste aperis „fonetikaj" abocoj, kiuj reprezentis unue silabojn (ga, ge, gi . . . ba, be, bi . . .) poste izolajn sonojn (a, b, c, d, e . . .). La historio ne konas pli antikvan abocon ol tiu, kiu kreiĝis en Mezopotamio antaŭ 6 aŭ 7 mil jaroj. Tiu „akadsumeria" aboco estis adoptita okcidente de fenicoj, arameoj, helenoj, etruskoj, latinoj . . . kaj oriente de hindoj, tibetanoj, k. a.

Nur tri popoloj de la antikveco havis por siaj lingvoj la fonetikan studadon: hindoj, helenoj kaj araboj. La araba fonetiko, relative plej juna, ne influis al la eŭropa scienco. La helena (antikva greka) fonetiko estis tiu kiu unue kaj plej daŭre regis en Eŭropo. Ĝi estis kreita de Plato, Aristotelo, plidetalita de stoikuloj kaj aleksandrianoj. Ĝi portis nomon *he grammatikê*, ĉar ĝi estis arto signi la sonojn per la literoj: *ta grammata*. Ĝi estis adoptita de romanoj (latinoj), kaj poste regis dum la Mezepoko, Renesanco kaj eĉ ĝis la XIX-a jarcento.

En komenco de la XIX-a la eŭropaj lingvistoj ekkonis riĉan sanskritan literaturon, kaj la hinda fonetiko tuj montriĝis kiel pli scienca kaj pli profunde bazita ol la helena. Do, la lingvistoj adoptis ĝin, forlasinte la helenan, kiu tamen daŭris kaj ĝis nun daŭras en elementaj gramatikoj de ĉiuj eŭropaj lingvoj. Kiam ni legas dividon de sonoj je vokaloj kaj konsonantoj, dividon de konsonantoj je likvaj, siblaj ktp., ni legas la helenan sistemon. La hinda fonetiko pli atentis pri la fiziologiaj kondiĉoj de la parolo, kaj al ĝi apartenas terminoj: spirantaj, palataj, cerebralaj ktp. La hinda sistemo regis en eŭropa lingvistiko ĝis la fino de la XIX-a, kiam estis starigita solida fizika kaj fiziologia bazo de la parolo (per studoj de Brücke, Czermak, Helmholtz) kaj estis precize analizitaj sonoj de la angla, franca, germana, itala, rusa k. a. Sciencistoj Sievers, Passy, Viëtor fiksis kaj disvastigis tiun sciencan fonetikon. Fine, la scienca fonetiko post la 1890—96 eniris sian lastan periodon de evoluo, nome sian periodon de eksperimenta kaj preciza studado. Abato Rousselot estis kreinto kaj majstro kiu formis la unuan skolon de la scienca fonetiko, jam tute libera de la klasikaj tradicioj kaj skolastaj antaŭjuĝoj.

**Akustika bazo.** Ĉiu sono estas aerovibrado. Krudmaniere oni klasigas la sonojn en 3 grupoj: rapoj, bruoj, sonoroj. *Rapo* estas unuopa sono, ekz. bato, frapo, eksplodo, falo, klako, pafo. *Bruo* estas aro da pli aŭ malpli fortaj rapoj, ekz. bruo de arbaro, maro, marŝanta amaso. *Sonoro* estas regula sono kiu havas distingeblan altecon, ekz. sono de kordo, fajfilo, konko

Se sono havas malpli ol 40 aŭ pli ol 30000 vibrojn ĉiusekunde, ĝi ne plu estas aŭdebla por la ordinara orelo. *Alteco* de sono dependas de la nombro de aero-vibradoj. Esence, la sono estas pure subjektiva fenomeno, ekzistanta nur en la konscio: la aerovibrado, se ĝin neniu aŭdas, ne estas sono. Tamen, pro la konvencia simpligo, oni parolas pri la rapideco de la sono, pri ĝia disvastiĝo, reflektado, kvankam oni tiel parolas nur pri la vibradoj. Mallonga kaj maldika kordo eligas pli altan (akran) sonon ol la longa kaj dika, en la samaj cirkonstancoj. Tial infanoj, kies voĉ-kordoj estas mallongaj kaj maldikaj, havas pli altan voĉon ol la plenaĝuloj, kaj pro la samo virinoj ĝenerale parolas pli alte ol viroj.

Se sono trairas malplenan vazon, ĝi vibrigas la enan aeron, kiu siavice vibras, pli fortigante la rezultan impreson. Tia fenomeno estas nomata *resonado*, kaj la vazo aŭ alispeca ujo, *resonilo*. La buŝo kaj la naza kaveto estas resoniloj, ili ludas rolon en la produktado de la parolo. La sama sono, kun konstanta alteco, povas esti pli aŭ malpli forta; tiu kvalito ĝia estas nomata *intenso*. Du sonoj, ekz. de violono kaj de fluto, povas esti tute samaj laŭ la alteco kaj intenso. Tamen la orelo ilin distingas, klare sentante: jen la violona sono, jen la fluta; tiu kvalito de l' sona individueco estas *tembro*. Ankaŭ la parolo prezentas sonojn, kiuj havas la 3 kvalitojn: alteco, intenso, tembro. La tembro estas tre komplika fenomeno, kies esenco kuŝas en tio ke apud la ĉefa sono (noto) oni aŭdetas la flanksonojn (super-tonojn), kiuj miksiĝas harmonie kun la ĉefa. Ĉiu parola sono estas nepre miksaĵo da bruoj kaj sonoroj, iufoje eĉ da rapoj. Per specialaj sonoskribiloj oni povas analizi la parolsonojn tute objektive. (Daŭrigota.)

---

◆

**Kun tiu ĉi numero estas sendataj „Bulteno 17 de la Internacia Labor-Oficejo" kaj „Aliĝilo por la XVIII-a Kongreso de Esperanto".**

◆

---

 TRA LA MONDO ESPERANTISTA 

## Esperantistaj problemoj.

III.

### La literaturo.

La granda malsameco de nia movado kun tiu de aliaj sistemoj de tutmonda lingvo konsistas en la ekzisto de impona libraro esperantista. Super ĉiuj lingvaj disputoj restas tamen la fakto, ke ĉiuj konkurantoj ne sukcesis eldoni kaj *vendi* tiom da libroj kiel la esperantista movado. Kolektanto aŭ libroamanto nuntempa, deziranta aĉeti ĉion, kio aperas, baldaŭ trovas, ke tio fariĝos multekosta plezuro pro la regula seninterrompa apero de novaj verkoj. La tuta libraro esperantista kiun oni kalkulas je 4000 ĝis 5000 eldonaĵoj, el kiuj bona duono estas beletristika, prezentas do aktivaĵon, kiun ĉiu aŭtoritato devos konsideri ĉe serioza ekzameno de la mondlingva problemo. Jam impresa estas la nombro de originalaj verkaĵoj, noveloj kaj romanoj; ĝi estas la ĝermo de estonta esperantista kulturo.

Diligenta leganto tamen trovas kelkajn rimarkojn eĉ kritikojn pri la verkoj aperintaj. La recenzistoj ja kutime nur atentas la enhavon de la verkoj, observas stilon ĉe originala romano, lertecon de la traduko, facilecon krei novajn esprimojn el la jam ekzistanta vortmaterialo. Tiu ĉi tasko de regula recenzo aŭ kritiko estas utila; atentema leganto de la gazetaro ne miru pri la ofta kontraŭeco de opinioj; validas ankaŭ tie ĉi la proverbo „Pri gusto ne disputu".

Neniam en la recenzoj pri novaj libroj oni tuŝis la problemon pri neceso aŭ bezono de certaj eldonaĵoj. La kritiko similas iom al la ekzameno de librotenado, kiu atentas la ĝustecon de la adicioj kaj ciferoj sed ne okupiĝas pri la interna konsisto, ĉu tiu aŭ tiu elspezo estis efektive necesa. Kaj jen la problemo. Ĉu ni rajtas fieri pri la multaj eldonaĵoj aŭ ĉu ne ekzistas tie ĉi ankaŭ certa troproduktado, neproporcia al la aĉetpovo? La kapablon *legi* ĉion, ni ne volas tuŝi. Interesas nin tie ĉi nur la demando, ĉu la elspezo de mono kaj forto praviĝas aŭ ne. La respondo de spertulo estas „*Ne*". Ni ekzamenu la pravecon de tiu ĉi respondo.

Dum la jaro 1925 aperis proksimume 80 verkaĵoj, el kiuj 30 beletristikaj. Kion ni trovis? Aron da malgrandaj libretoj, el kiuj nur kelkaj valoras la aĉeton kaj legadon. Konstatite estu ankaŭ, ke krom kelkaj esceptoj nur la eldonaĵoj laŭseriaj meritas atenton pro la reguleco kaj metodeco teknikaj, la patra zorgo pri bona stilo kaj pureco de la lingvo. Ni restu ĉe la supra cifero de tridek beletristikaj eldonaĵoj supozante mezan eldonon de dumil ekzempleroj por ĉiu. Ni atingus tiam 60 000 ekzemplerojn kiuj devus vendiĝi. Nenia sekreto, ke ne vendiĝas ĉio; suferas pro tiu ĉi fakto la bonaj eldonaĵoj kies iom pli alta prezo malprave timigas la aĉetanton. Ĉu ne estus pli bone aĉeti *unu* bonan libron anstataŭ du aŭ tri broŝuretojn por sama mono?

Tro da literaturo por sin distri, malmulte da sciencaj verkaĵoj en populariga formo. Tiun mankon eksentis jam antaŭ jaroj kelkaj pioniroj de la „malnova gvardio" kaj serĉis plibonigon. Utilus eldoni bibliotekon de sciencaj verkoj ĉu originalaj ĉu tradukoj rajtigitaj de la respektivaj aŭtoroj. La efektivigo de tia plano dependas de du faktoroj: Kapitalo kaj eduko. La unua faktoro estas komprenebla al ĉiuj. La dua ŝajnas stranga. Efektive — eduko? Eduki la esperantistojn koncentrigi la rimedojn al impona entrepreno, kiu, se ĉio enordiĝas laŭplane, povus konigi nian movadon al rondoj ĝis nun skeptike nin rigardantaj. Grava eldona firmo intencas efektivigi tiun eldonon sisteman kaj serian de internacie konataj verkoj.*) Dissendiĝis miloj da cirkuleroj informintaj la esperantistaron pri la intenco. Kvankam kelkaj premisoj bazis sur optimista takso de la financa kapableco esperantista, la aliaj detaloj nur povis ĝojigi veran amikon de nia lingvo. De tiam nenia sciigo pri la daŭrigo de la afero aperis; el fidinda fonto ni eksciis, ke aperos baldaŭ detala informo kaj ankaŭ pri esenca ŝanĝo de la metodo. Ni pli malfrue revenos al tiu ĉi interesa entrepreno.

Kiel malhelpi la aperon de eldonaĵoj nebezonataj se eĉ bonaj? Nu, ekzistas nenia rimedo malpermesi al iu ajn bonintenca esperantisto aperigi la infanon de sia spirito kaj . . . . perdi sian monon! Iom helpus tamen la kritiko en niaj gazetoj kaj antaŭe praktikaj konsiloj al la verkistoj. Necesas, ke ni atentu la firmojn, kiuj, por helpi nin, komencis eldoni *bonajn* librojn kaj kiuj prave plendas pri manko de kompreno ĉe la aĉetantoj. Tial estus konsilinde, ke verkisto sin turnu al tiuj firmoj demandante ilin pri la eldonebleco. Ofte aperas tre bonaj verkaĵoj en terura vestaĵo, malmodernaj prestipoj kaj sengusta aranĝo. Aliflanke mankas ofte al la eldonistoj *bonaj* manuskriptoj. Kial eldoni mem, meti sian propran monon en riskan aferon, anstataŭ trovi aranĝon kun konata eldonejo, disponanta ne nur pri la rimedoj por zorga eldono, sed ankaŭ pri la rutino pri diskonigo kaj vendo? For la diletantismon, for kun la kredo, ke esperantisteco estas patento por sukcesi en ĉiuj sferoj.

*) Tutmonda biblioteko de eldonejo Mosse, Berlin.

La emon, por ne diri malsanon eldoni gazeton aŭ verkaĵon ni ne povas malhelpi. Foje bone konata esperantisto proponis bojkotadon de eldonaĵoj ĝenerale rekonitaj kiel ne dezirindaj. Feliĉe oni ne atentis tiun proponon cetere sufiĉe danĝeran. Ekzistas ankoraŭ alia rimedo, pri kiu ni havas ekzemplon. Aperis antaŭ nelonge belega libro, antologio el literaturo ne ĉie konata, sed interesa.*) Laŭ la kutima maniero tiu libro estus fariĝinta kolekto de malsame prilaboritaj broŝuroj, neniel allogantaj. Volo kaj disciplino sukcesis en tiu kazo silentigi la ambiciojn de bonintencaj kaj verkemaj samideanoj tro forte kredantaj, ke la lernado de la lingvo sufiĉas por esti gramatikisto, verkisto, poeto aŭ redaktoro. Tial ni devas escepti de nia kritiko tiajn seriozajn eldonaĵojn kiuj plenumas samtempe rolon de propagando kaj de interna disciplino. Ni supozu, ke aperu simila eldonaĵo de aliaj ne universale konataj literaturoj aŭ antologioj de modernaj verkistoj el la literaturo de grandaj popoloj. Tio estus signifa paŝo antaŭen kaj meritus la atenton de ĉiu el ni.

Alia zorginfano de nia literaturo estas la ordinaraj kaj teknikaj vortaroj. Interesas nin tie ĉi la vortaroj por la komuna uzado *Esperanto-Nacia, Esperanto-Esperanta, Nacia-Esperanto.* La ekzistantaj vortaroj ja sufiĉas por la ĉiutaga uzo; ili ne sufiĉas tuj kiam oni bezonas verki ne-beletristikan temon, eĉ ne speciale fakan. Konfuzo regas pri la uzado de certaj vortoj kaj la fontoj ne ĉiam aŭ plej ofte ne estas konataj. Tiun mankon eksentis talenta samideano kaj komencis labori kaj laborigi. La frukton de tiu ĉi laboro ni vidis en dikega vortaro kies unuaj du volumoj aperis.**) Al la gratuloj, kiujn ricevis la firmo pro la kuraĝo eldoni tian por nia movado kolosan verkon, devus veni la pli konkretaj mendoj ĝis nun ne sufiĉaj. Certe malhelpas la aĉeton la nacilingveco; la merkato limiĝas al landoj de germana lingvo. Tiu ĉi vortaro, kiam kompleta, estas la modelo de estonta vortarego Esperanto-Esperanta. La vortmaterialo kolektita atestas pri la riĉeco de la lingvo kaj pri la „Gründlichkeit" (Ĝisfundeco) de la kompilinto, eco, kiu ofte mankas en similaj provoj aŭ eldonaĵoj esperantistaj.

La konkludon de nia nuna artikolo ni lasas al vi, karaj legantoj. Kiel en aliaj kampoj de nia movado ankaŭ en ĉi tiu necesiĝas nova ordo kaj nova spirito. La nova ordo konsistas en la ŝparemo de nia forto kaj la uzo en taŭga momento; la nova spirito en la seriozigo de niaj eldonaĵoj la forĵeto de ĉia diletantismo kaj amatoreco. Sekvante tiun principon ĉiu esperantisto persone helpos al la plifortiĝo de nia afero kaj al favora juĝo de la ne-esperantista publiko.

*H. J*

*) Kataluna Antologio.

**) Eugen Wüster, Enciklopedia Vortaro, Hirt & Sohn, Leipzig.

# KRONIKO.

## Aŭstrio.

*Graz.* — Kurso komenciĝis ĉe la „Inlanamikoj", 20 anoj, gvidas S-ro Schwarz. Du kursoj por fervojistoj, ambaŭ kun 25 anoj, gvidas S-ro Bartel.

*Hainfeldt* — Kurso en burĝa lernejo.

*Krems.* — Tie ĉi laboris sukcese provinciaio de piaristoj S-ro Meŝtan. 80 personoj sekvis la kursojn. En burĝa lernejo kurso kun 55 infanoj, alia kun 10 orloj. Gvidas F-ino Prokopp.

*St. Pölten.* — Esperanto instruata en du burĝaj lernejoj (Bürgerschulen), 110 infanoj.

*Wien.* — Per la klopodoj de S-ro H. Steiner, ĝen. sekretario de la Aŭstria Esperanto-Delegitaro, estis starigitaj en la Vienaj ĉefstacidomoj tabuloj kun la adresoj de la lokaj Esperanto-organizaĵoj. Nova adreso de la A. E. D. estas Bisamberg bei Wien 248. Ĉe Aŭstria Polica Esperanto-Unuiĝo 3 kursoj kun 60 personoj, gvidantoj samideanoj Hirtz kaj Gajdosch. Ĉe Esperanta Societo „Konkordo" kurso por komencantoj, gvidas samideano Kozina, 20 personoj; kunvenejo Terassenkaffee, Margaretenplatz 4, Wien V. Ĉe Esperanta Societo „Verda Angulo", Wien XVI, konversacia kurso, gvidas S-ro Alb. Mair. — Esperanta Diservo en Minorita preĝejo 21 februaro 1926. — Ĉe Unua Esperanto-Unuiĝo paroladoj de S-roj Smital, Jackson, Sinek kaj F-ino Ralf.

*

**Unua ŝtata ekzameno pri Esperanto.**

La ministerio aŭstria por instruado per reskripto de 30. 4. 1925, N-ro 2163, starigis ŝtatan ekzamenkomisionon, kiu ekfunkciis la 3 novembro 1925.

La direktoro de la komisiono, Hofrat D-ro Franz Wollmann, lerneja inspektoro, malfermis la unuan ekzamenon, okazintan en la faklernejo por instruistinoj, Hegelgasse 14, Wien, per solena parolado. Li menciis la historian gravecon de la momento por la esperanta movado en nia lando kaj esprimis sian ĝojon, ke tiom da kandidatoj sin anoncis.

Okazis la ekzamenoj „pri kapableco por instruo en mezlernejoj" kaj „pri scio de Esperanto". La unuan partoprenis 19, el kiuj sukcesis 6 kun „distingo", 11 kun „bona rezulto" (krome 7 sinanoncintoj rezignis antaŭ la ekzameno), la duan 10, el kiuj 3 kun „distingo", la aliaj kun „bona rezulto".

En la unua grupo la kandidatoj povis elekti por la skriba ekzameno unu el jenaj temoj: 1. Evoluo de Esperanto de 1887 ĝis la unua kongreso; 2. Ĉu lingvo internacia estas ebla kaj necesa; 3. Kial kaj kiel mi lernis Esperanton? Krom tio estis farota traduko en la germanan lingvon: „La morto de Zamenhof" de D-ro E. Privat. Sekvis skriba ekzameno pri pedagogio kaj didaktiko. La temoj estis: 1. La memoro kaj ties kulturado en la prilingva instruo; 2. Kiel mi formas kaj pritraktas metodan unuaĵon en la instruo pri modernaj lingvoj?

La provlecionojn oni okazigis kun burĝlernejanoj, knabinoj el duklasa komerca lernejo kaj junuloj el perfektiga metilernejo.

En la grupo pri „scio de Esperanto" la skriba temo estis la komenco de la artikolo „Nokto" (Fundamenta Krestomatio), paĝo 92-93, tradukota en germanan lingvon. Krome la kandidatoj povis elekti por libera esperantlingva traktado unu el la jenaj temoj: 1. Elskribo elmemora de iu mallonga rakonto aŭ de raporto pri iu scienca aŭ alia afero; 2. Rakonto de interesa propra travivaĵo; 3. Priskribo kaj promenado ĉirkaŭ la interna urbo Wien; 4. Letero al amiko eksterlanda pri la socia vivo en Wien.

En la parola ekzameno la unua grupo devis legi donitan tekston, traduki en bonan germanlingvan tekston kaj rakonti en Esperanto per propraj vortoj. Poste oni demandis la kandidatojn pri konstruo de la gramatiko, kiuj demandoj devis esti respondataj en Esperanto. Fine sekvis demandoj pri la historio, litera-

turo kaj organizo de Esperanto, samtempe priparolo de la traduka kaj originala literaturo kaj la gazetaro esperanta. Dume ĉi tiu parto de la ekzameno okazis en Esperanto, la kandidatoj faris la ekzamenon pri pedagogio kaj metodo en la instruo de modernaj lingvoj en germana lingvo.

La parola ekzameno de la dua grupo ampleksis tradukon el Esperanto en bonan germanan tekston kaj rakonton de ĉi tiu teksto per propraj vortoj kaj demandoj pri gramatiko.

Entute la ekzameno havis bonajn sukcesojn. La venontaj ekzamenoj okazos en aprilo 1926.

Hugo Steiner (Aŭstria Esperanto-Delegitaro).

*

**Esperanto ĉe fervojoj.**

Malnovaj samideanoj memoras, ke jam antaŭ la milito la aŭstriaj fervojoj montris intereson al nia afero eldoninte belegajn reklamilojn. Tiun tradicion reprenis la nuna direkcio de la ŝtata fervojaro farinte enketon pri lernado de Esperanto inter la oficistoj. Anonciĝis 1100 fervojistoj ĉiurangaj el pli ol cent lokoj. Estas permesata porti la insignon sur la uniformo (Imitinde en aliaj landoj! Red.) Funkcias nun kursoj por fervojistoj en Wien (240 anoj), Graz (2 kursoj), Knittelfeld (2 kursoj). En ĉiuj pli grandaj stacioj nun troviĝas afiŝoj kun la adresoj de la esp. grupoj.

## Belgio.

*Antverpeno.* — La agado estas tre aktiva. La urbo organizas klasojn de Esperanto en la vesperkursoj por plenaĝuloj, kiuj okazas en la popollernejoj. Nun funkcias tie, kun pagataj instruistoj, du elementaj kursoj (prof. S-roj Broeckhove kaj Verreeck) kaj du perfektigaj kursoj (F-ino B. Geers kaj S-ro Karnas), kun entute sesdeko da lernantoj. La elementaj kaj perfektigaj kursoj konsistas el po 50 lecionoj duhoraj; plena kurso de Esperanto daŭras do 200 horojn dum du jaroj. Unuafoje tiuj kursoj estis anoncitaj al la publiko sur la oficialaj afiŝoj de la urbestraro. La malnova loka grupo de Belga Ligo Esperantista, „La Verda Stelo", malfermis siajn kutimajn kursojn: kvar elementajn (prof.: F-ino De Buyser, S-roj M. Boeren, Broeckhove kaj Jan Van Schoor) kaj unu perfektigan (S-ro Fr. Schoofs), kun entute 80 lernantoj. — La Antverpena Komitato por Internacia Komerca Lingvo, kiu partoprenis jam en la internacia komerca eksperimento, daŭrigas sian laboron organizante novan kurson sur komerca fundamento; partoprenas ĝin 15 lernantoj (prof. S-ro Morris De Ketelaere). — Fine, post unua kurso de S-ro F. Schoofs en la restarigita Antverpena Polica Grupo, funkcias nun du novaj serioj de lecionoj, gvidataj de S-ro Willy De Schutter, kun 35 partoprenantaj oficiroj kaj policistoj. — Ĉiuj tiuj grupaj kursoj enhavas laŭkutime 15—20 lecionojn de $1^1/_2$ horoj.

*Herenthals.* — S-ro Verbuecken, delegito de UEA energie varbas inter skoltoj per cirkulero dissendita al ĉiuj anoj.

## Brazilo.

*Oka Brazila Kongreso de Esperanto 1926.* — Honora prezidanto: D-ro Florentino Avidos. Prezidanto de ŝtato E. Santo — La estraro de B. L. E., interkonsentinte kun la esperantistoj kaj amikoj de Esperanto en ŝtato E. Santo, decidis elekti ties ĉefurbon Victoria kiel sidejon de nia Oka Kongreso. Ĝi okazos dum la monato Majo okaze de la Oka Brazila Kongreso de Geografio. Jen ĝia Organiza Komitato: Prezidanto: D-ro Carlos Xavier Paes Barreto, ĝenerala sekretario de la ŝtata registaro; Vicprezidanto: D-ro Mirabeau Pimentel, direktoro de la Publika Instruado; Ĝenerala sekretario: inĝ. Luiz Porto Carreiro Neto, ĝen. sek. de B. L. E.; unua sekretario: D-ro Arnulpho de Mattos, direktoro de la normala lernejo; dua sekretario: F-ino Heloisa Espindula de Araujo; kasisto: S-ro José Osorio de Miranda, grava komercisto.

## Britlando.

*Londono.* — La Londona (Centra) Esperanta Klubo dum pli ol dudek jaroj centro de la movado en la brita ĉefurbo lastatempe serĉis novajn vojojn de propagando. Dum la pasinta somero serio de publikaj kunvenoj en la parkoj reklamis la lingvon antaŭ granda nombro da personoj; festetoj en la aŭtuno kaj vintro allogis multajn eksterulojn; kaj aparte atentinda estas kurso por 60 personoj, kondukata de S-ro C. H. Edmonds laŭ nova kaj freŝa metodo kun helpo de lanternaj kliŝoj. La programo de la Klubaj kunvenoj estas, kiel ĉiam, tre diverseca: ekz., inter temoj lastatempe traktitaj troviĝas La Distancoj de la Steloj; Hamleto, Relativeco, kaj certaj aspektoj de la movado kaj ĝia propagando. Amuzaj vesperoj (burleska parlamento, k. c.) bone instigis la membrojn paroli; krom tiaj aferoj, estas speciala kurso por progresintoj, kaj konversacia rondo, ĉiusemajne. Por la datoj 6 ĝis 7 de Februaro 1926 la klubo organizis „Esperantan Universitateton", ĉe kiu diversaj temoj pri la lingvo estas traktotaj de spertuloj, inter ili Ges-roj Isbrücker el Hago. Vizitanto al Londono nun povas okupi almenaŭ tri vesperojn aŭ posttagmezojn ĉiusemajne per ĉeesto en Esperantaj kunvenoj; vendrede li povas viziti la centran klubon (ĉe St. Brides Institute, Ludgate Circus), sabate la Laboristan Esperanto-Klubon, kaj dimanĉe la Dimanĉan Rondon. Krom tio, estas ankaŭ ĉirkaŭurbaj grupoj kiuj regule kunvenas en diversaj kvartaloj. (Informo pri la diversaj kluboj ktp. estas riceveblaj pere de la Hon. Sek. de la Londona Klubo, S-ro L. N. Newell, 166 Brixton Road, Londono S. W. 9). Aldone al ĉio ĉi, dum la nuna sezono funkcias ne nur privataj kaj taglernejaj kursoj en diversaj lokoj, sed pluraj oficialaj kursoj en la vesperaj lernejoj sub aŭspicioj de la edukada aŭtoritato.

*Nova Esperantista Entrepreno.*

Ĵus fondiĝis en Londono akcia kompanio, sub la titolo „The Esperanto Institute Limited", por akceli la progreson de Esperanto pere de ĝia praktika aplikado kaj uzado. La direktoroj estas S-roj H. Boll, Charles H. Edmonds, F. L. Jones, F. R. Shelton, G. T. Smith kaj F. E. Wadham, kies nomoj estas bone-konataj de multaj samideanoj tra la mondo. La kompanio estas leĝe registrita kun oficejo ĉe Welwyn Garden City, apud Londono. Jam funkciantaj fakoj estas reklamagentejo, vojaĝagentejo kaj libroeldonejo. La kompanio estas oficiale difinita kiel Tutmonda Disvendagentejo por la Esperantaj Gramofondiskoj „Linguaphone". Siatempe ĝi difinos agentojn en ĉiu lando por peri rilatojn. La adreso por leteroj estas: The Esperanto Institute Limited, Welwyn Garden City, Herts., Anglujo.

## Bulgario.

*Ajtos.* — Restariĝis esperanta grupo „Ondo". Kurso kun 20 anoj

*Belogradĉik.* — Du kursoj

*Berkovica.* — Du kursoj.

*Borisovgrad.* — Kurso kun 30 anoj.

*Dorkovo.* — Kurso kun 30 anoj.

*Kazanlik.* — Kurso.

*Ŝipka.* — En tiu vilaĝo de 3000 loĝantoj, apud pasejo tra Balkano de Gabrovo al Kazanlik, fama „roza valo", fondiĝis vigla grupo kun 25 anoj. Kurso kun 16 anoj.

Kursoj funkcias ankoraŭ en Kula, Loveĉ, Konstandovo, Oriahovo, Ortakjoj, Peŝtera, Plovdiv, Petriĉ, Razlog, Sliven, Vraca ktp.

## Ĉehoslovakio.

*Bratislava.* — La grupo, kiu kalkulas 100 anojn, fervore laboras por la okazonta landa kongreso. „Esperanta Tablogirlando" elektis prezidanton: S-ron Herold Kesik, ŝtate ekzamenita profesoro de Esperanto. — La loka gazetaro, slovaka, hungara kaj germana, favoras nian movadon. Ĉiusemajna angulo esperanta en la gazeto „Grenzbote". — Elementa kurso kun 22 anoj (gvidas S-ro Kesik), perfektiga kurso kun 30 anoj (gvidas S-ro Wanitsek). Enkonduko de Esperanto en knabina lernejo dank' al propono de urba konsilanto A. Maszár. Anoncigis 130 partoprenantinoj, instruas S-ro Kesik.

*Eichelberg.* — Komenciĝis la unua kurso, gvidanto S-ro Klemens Reichl, ŝtate ekzamenita instruisto de Esperanto kaj delegito de UEA.

*Pezinok* (Slovakio). — Kurso gvidata de S-ro Kesik, 23 anoj.

## Danmarko.

*Aarhus.* — La grupo kalkulas 35 anojn.

*København.* — Reaperas dana esp. gazeto „La Forta Voko".

## Estonio.

*Tallinn.* — Funkcias du societoj: „Espero" kaj „Laborista Esp. societo", krome fakoj ĉe la unuiĝoj de l' fervojistoj, presistoj, tutlanda estona junularo. Okazas ofte festetoj kun Esp.-programo. La 7. XII. S-ino E. Lübek paroladis pri la meritoj de S-ino Zamenhof en la Esp.-movado. — En la fino de decembro la organo de Esp.-Asocio de Estonio „Informoj de E. A. E." estis ŝtate subvenciata per 12000 est. mk.

## Finnlando.

*Kemi.* — Fondiĝis nova grupo „La Norda Lumo" kun 23 anoj.

## Franclando.

*Montfort-le-Rotrou* (Sarthe). — En broŝuro de „Franca Ligo por la defendo de l' homaj rajtoj" dupaĝa artikoleto pri Esperanto verkita de S-ro Chapron, del. de UEA.

*Perpignan.* — La Mediteranea Federacio vigle laboras. Nova kurso komenciĝis en decembro.

*Strasbourg.* — Regule aperas informoj pri Esperanto en „Les Dernières Nouvelles".

## Germanio.

*Berlin.* — „Berliner Tageblatt", ĉefa demokrata gazeto germana enhavis en N-ro 12 (8. I. 26) interesan artikolon verkitan de D-ro Ernst Kliemke pri la enciklopedia vortaro de E. Wüster. La eksterlanda semajna eldono de tiu ĉi gazeto, ilustrita kaj riĉenhava, regule publikigas tutan kolonon „Komercaj informoj en Esperanto", redaktataj de S-ro Ellersiek.

*Dresden.* — „Sciigoj", informcirkulero de la Loka Societo regule aperas. — 7. 2. 1926 Jarfesto.

*Essen.* — Meissler's Auskunft-Kalender für den internationalen Handelsverkehr 1926 (Informkalendaro de Meissler por la internacia komerca interrilato 1926) enhavas sur paĝoj 8—9 en Esperanto la klarigon, kiel oni uzu la libron. (Tradukis S-ano Pillath en Essen.) La kalendaro enhavas la adresojn de fidindaj informej j tutmondaj.

*Fulda.* — Post Verda Semajno komenciĝis nova kurso por komencantoj en la „Popola Altlernejo", 30 p., gvid. D-ro Westenberger; samtempe kurso por progresintoj, gvid. S-ro Funk. Krome daŭradas du kursoj por gimnazianoj kaj unu por reallernejanoj, ĉiuj tri gvidataj de D-ro Westenberger. — La grupo kunvenas marde en Popola Legejo (Volkslesehalle), Schulstrasse, kaj ĵaŭde je la 20-a en kafejo Huhn, Friedrichstrasse. — Laŭ nia iniciato la publika „Popola Lernejo" depost kelka tempo elmetas — krom la germanaj — tri Esperanto-gazetojn (Germana Esperantisto, Heroldo de Esperanto kaj Esperanto, Ĝenevo), kiujn ni liveras al la legejo senkoste. Ni konstatis, ke tio estas bona propagando, ĉar la vizitantoj de la legejo ne nur estas konstante atentigataj pri Esperanto, sed multaj per legprovoj ankaŭ konvinkiĝas pri ĝia simpleco kaj facila komprenebleco, tiel fariĝante amikoj de nia afero. Ni rekomendas al la aliaj grupoj fari samajn aranĝojn en siaj urboj. *Esperanto-Societo Fulda.*

*Halle a S.* — Dum novembro komenciĝis 5 kursoj kun entute 70 personoj — Je la 10 januaro Zamenhof-festo de la loka grupo de G. E. A.

*Kaiserslautern.* — Nova kurso por komencantoj en la Popolaltlernejo. Dekkvar anoj.

*Mittweida.* — Kurso kun 70 personoj, plejparte studentoj de l' Teknika Altlernejo. Gvidanto: S-ro R. Hildebrand, del. de UEA.

*München.* — La intereso koncentriĝas nuntempe al la 15-a Germana Esperanto-Kongreso, okazonta dum Pentekosto ĉi tie. Sinanoncojn kaj informpetojn oni adresu al Esperanto-Kartell München, Lindwurmstr. 145. Lastatempe ekestis konkuranto per la nova mondlingvo *„Welt'pitshn"* de prof. D-ro A. Baumann. Ĝi estas kripligita germana lingvo, sekvo de projekto de sama aŭtoro *We-De* = Weltdeutsch, aperinta dum la milito. Ĝis nun neniu aliĝis al tiu ĉi projekto malgraŭ apero de artikoloj en la gazetaro. La urba konsilantaro disponigis al la germana Esp.-kongreso la Malnovan urbodoman salonegon, kie okazos la solena malfermo. La unua urbestro bonvolis aliĝi al la honora komitato de la kongreso.

*Pirna.* — Kursoj oficialaj en 5 klasoj de unuagrada (popola) lernejo, 1 kurso ĉe profesia lernejo, du ĉe la komerca kaj unu ĉe metia lernejoj. Plie 4 malgrandaj kursoj.

*Radebeul.* — Post du paroladoj de lernejestro Hahn, Gohlis, en gepatraj kunvenoj de Lössnitz kaj Radebeul oni decidis unuanime en la hodiaŭa kunsido, enkonduki Esperanton en la urbajn popolajn lernejojn Paske 1926.

## Hungario.

*Budapest.* — La nova prezidanto de la Hungara Esperantista Societo Laborista, S-ro Kertész, estas membro de la Budapesta urba deputitaro. Oficiala organo de la societo, „Munkáskultura" (Laborista kulturo), organo de kelkaj laboristaj societoj, aperas nun tute esperante. La societo aranĝas 18 kursojn por 350 personoj en 12 urboj. Ĝis nun 23 laboristaj organizaĵoj aliĝis al la esperantista societo kiel subtenantaj organizaĵoj. En urbo Szeged fabrikisto pagas la kotizon — anstataŭ liaj laboristoj — al la societo. En sama urbo estis sukcesa ekspozicio, simile en la laborista hejmo de urbo Pécs.

— Esperanto en la hungara parlamento. Ĉe la diskutoj de la budĝeto la socialdemokrata deputitino Kéthly, la sola virino en la hungara nacia kunveno, duloje parolis pri Esperanto. Unue ŝi rekomendis ĝian instruadon al la ministerio por instruado, due ŝi menciis la plendojn pro malpermesitaj esperantaj kursoj kaj kunvenoj en provincaj urboj. Kelkaj deputitoj interesiĝas pri nia lingvo.

— Esperanto en la dua landa filatelia ekspozicio. Dank' al klopodoj de ĉefinĝeniero Béla Szász la dua filatelia ekspozicio en Budapest donis senpagan lokon por esperanta ekspozicio, kie

precipe la dekjara poŝtmarkkolekto de S-ro P. Székács atentiĝis pri disvastiĝo de Esperanto. La ekspozicio ricevis honordiplomon. Ĉefinĝeniero Szász detale klarigis la ekspozicion al reĝa ĉefduko Jozefo Francisko. S-ro Szász faris paroladon pri Esperanto.

— Széchenyi-vespero de la Budapesta grupo. Okaze de centjara fondiĝfesto de la Hungara Scienca Akademio tutlande estis memorfestoj pri grafo Stefano Széchenyi, nomata „la plej granda hungaro", fondinto de la akademio. Lian honoron oni menciis ankaŭ en literatura vespero de la Budapesta grupo kaj konigis lian proletaĵon diritan en 1842 en la scienca akademio, laŭ kio oni povos krei lingvon pli precizan kaj pli perfektan ol la naciaj lingvoj kaj tio estus tre valora en la epoko de la libera diskutado. — La grupo aranĝis sukcesan tevesperon, ĉeestis pli ol cent personoj.

— Propaganda prezentado de la privatoficistoj. Dimanĉe, la 3-an antaŭtagmeze okazis granda propagandprezentado en la ĉambrego de la Landa Societo de privatoficistoj. Urba deputitano, prezidanto de la Laborista Esperantista Societo, S-ro Nikolao Kertész, en interesa parolado montris la kulturprogresan gravecon de la Esperanto-movado. S-ro Baghy konigis la eblecon verki proze kaj verse en Esperanto, S-ro Sárossy kaj la laborista koruso montris la eminentan kanteblecon de Esperanto per efikaj kantoj. Sepjara knabineto, Magdalenjo Klein, pruvis, ke ankaŭ la infanoj entuziasmiĝas por Esperanto.

— Vizito de F-ino Martha L. Root, amerika ĵurnalistino jam el Genève konata apostolino de la Baha-a movado, vizitis la Budapestajn grupojn kaj parolis pri la Bahaismo ankaŭ en diversaj hungaraj societoj.

*Győr.* — La loka grupo de H. E. S. metis en la stacidomon afiŝojn esperantlingvajn por informi la travojaĝantajn fremdulojn. En la ĉefstraton oni metis kesteton por konstanta Esperanto-ekspozicio. En decembro la estraro aranĝis grandan Esperanto-ekspozicion en la knabingimnazio.

*Gyöngyös.* — Profesoro Hugai, helpata de S-ro Vincent, gvidas perfektigajn kursojn kaj komencigas tri novajn. Speciala kurso por gimnazianoj, gvidata de brita samideano S-ro Vincent.

*Sárospatak.* — Kurso kun 20 anoj, gvidas profesoro Hallgató.

## Irlando.

*Dublin.* — Fondiĝis grupo.

## Italio.

*Brescia.* — Tri kursoj gvidataj de S-ro G. Facchi; 1. ĉe la Asocio Circolo Filologico, 2. ĉe la Metia Lernejo Moretto, kaj 3. por la instruistoj de la komunumaj lernejoj.

*Udine.* — Dum la nuna vintro estas malfermitaj tri kursoj: publika (gvidas instruisto Cavagna) ĉe Popola Universitato; por gestudentoj (gvidas nia delegito Della Savia) ĉe sidejo de Friula Studenta Asocio; por la gegrupanoj (gvidas Della Savia) ĉe provizora grupa sidejo Caffé Roma.

*Voghera.* — Ĉe vespera komunuma lernejo komenciĝis kurso kun 25 partoprenantoj. Alia kurso komenciĝis ĉe la ĉi tiea katolika rondo kun 20 gepartoprenantoj, instruas G. Quarone. Ĉe loka Supera Komerca Instituto prof. Lupi faris propagandan paroladon pri Esperanto.

## Japanlando.

*XIII-a Japana Esperantista Kongreso en Kioto.* — La kongreso malfermiĝis la 16-an de oktobro en halo de la Komerca Ĉambro sub prezido de universitata profesoro I. Ŝimura. La rektoro prof. T. Arati estis elektita kiel honora prezidanto. Inter la salutintoj estis la urbestro, guberniestro, prezidanto de l' Komerca Ĉambro. La 17-an okazis fakkunvenoj de la studentoj, kuracistoj, ĵurnalistoj k. a.; posttagmeze estis diskutoj pri la organizo. Tokio estis elektita urbo de la XIV-a. En la 1926 aŭ 1927 tutorienta kongreso preparota. Vespere publika kunveno kun 400 aŭskultantoj, kie parolis S-roj profesoroj Ŝimura, Asai, Itoo, ges-roj angloj Venables, kaj O. Deguĉi, la estro de Oomoto. La trian tagon oni ekskursis al Krameska kaj finis la kongreson kun kantoj.

## Madeiro.

*Funchal.* — Kurso komencis ĉe la muzika societo „Banda Districtal do Funchal". Gvidas la ĉi tiea delegito de UEA kun la helpo de S-ro Humberto de Freites.

## Nederlando.

*s'Gravenhage.* — La 23-an de januaro la Haga grupo „Fine ĝi venkos" festis sian 20-jaran ekzistadon. Alloga programo kun kantado, deklamado kaj teatraĵo formis sukcesplenan vesperon. — La 25-an de januaro S-ino J. Isbrücker prelegis pri Esperanto, montrante lumbildojn de la gramatiko, laŭ invito de la Haga Popoluniversitato.

*Groningen.* — Movado revigliĝas dank' al kursoj de S-ro Van Dokkum el Veendam.

*Wormerveer.* — La delegito de UEA, S-ro Woud, gvidas skriban kurson, konsistantan el 40 lecionoj, tra la tuta lando por laboristoj.

## Pollando.

*Sosnowiec.* — La magistrato decidis enkonduki Esperanton al Urba Popola Universitato. Kurso kun 49 gelernantoj. Gelernantoj de tuta mondo estas petataj adresi korespondaĵojn al: Miejski Uniwersytel Ludowy, Sosnowiec, Pollando. Instruisto S-ro Bol. Czechowski. — Kurso por oficistoj gvid. de S-ro Kwasek. Prelego pri „Esp. Kutimoj" de S-ro Czechowski. Ĉiumonata aldono „Silacz" de socialista gazeto aperigis artikolon „Ĉu profite estas lerni Esperanton?" Policista lernejo kurso kun 65 policanoj.

*Chorzanow.* — Post klopodo de S-ro Weinberger komencis kurso kun 16 personoj.

*Sokal.* — Tie ĉi en malgranda urbo de 14000 loĝ. fondiĝis grupo „Laboro" kun 39 anoj.

## Rumanio.

*Alba-Julia.* — Sukcesa propagandvespero aranĝita de F-ino H. Szalantzy.

*Arad.* — En Libera Universitato, direktita de D-ro Babescu, Esperanto-kurso gvid. de S-ro Berohn.

— St. Bartha gvidas kurson por progresantoj en liceo „I Vulcan".

*Bucuresti.* — Artista tagĵurnalo „Rampa" aperigis artikolojn de S-ro Ghidionescu pri „Esperanta ekspozicio en Arad" kaj „Esperanto en Anglio".

— En decembro 1925 oni inaŭguris la novan ejon de Esp. Centro Rumana en propra domo, en Bukureŝto (Str. „11. Junie" N-ro 80). Samtempe oni okazigis Zamenhof-festenon. Paroladis S-ro H. Fischer, L. K., fondinto-direktanto kaj T. Morariu, sekr. de E. C. R. Kantis F-ino Lucia Atias kaj deklamis S-ro S. Prager. Ĉe la posta bankedo artpentristo Murnu rikoltis aplaŭdojn per sukcesaj moment-karikaturoj faritaj pri la samtablanoj.

*E. C. R.*

*Chisinau* (Besarabio). — Kurso por skoltoj, dank' al fervora samideano kolonelo Cojocaru.

*Causani-Noi* (Besarabio). — N. Contarji instruas Esperanton al virina grupo.

## Saarteritorio.

*Saarbrücken.* — La 8. 12. 1925 ĉefdelegito Omlor, St. Ingbert, faris paroladon kun lumbildoj en la Unuiĝo de germanaj inĝenieroj. Ĉeestis 30 personoj. La desegnojn faris delegito Schenkel-Bildstock. — La estraro de la elektroteknika unuiĝo Saarbrücken ekpetis instruanton por komencota kurso. — En la Real-reformgimnazio St. Ingbert laŭ peto de lernantoj kaj kun konsento de la direktoro de la lernejo komenciĝis kurso, gvidata de stud-konsilanto Orth. — La liberaj sindikatoj St. Ingbert aranĝis kurson, kiun partoprenas 30 personoj. La instruanton disponigis la grupo de St. Ingbert.

## Sovetaj respublikoj (S. S. S. R.).

*Anapa* (Krimeo). — Propagandas Esperanton S-ino E. Ŝĉukina.

*Belaja Glina* (Kaŭkazo). — En salono de mezlernejo estis aranĝita Esperanto-ekspozicio.

*Blagoveŝĉensk* (Siberio). — Kursoj por 40 personoj.

*Brusenec* (Norda Ruslando). — Esperanto-rondeto, gvidanto N. Riŝkov-Makcev.

*Harkov.* — Oficialaj regnaj kursoj en la lernejo.

*Kursk.* — Esperanto-rondeto, gvidanto B. Popov.

*Moskvo.* — Aperis nova esperanta ĵurnalo „Meĵdunaronij Jazik" (Internacia lingvo) anstataŭ „Soveta Esperantisto". — Rondeto ĉe 2-a Moskva Regna Universitato, gvidanto S-ro Svistunov.

*Penza.* — Oficialaj kursoj en la lernejo de profesiaj unuiĝoj.

*Sluck.* — Estas organizita regiona komitato de SEK.

*Stalingrad.* — Rondeto ĉe poŝtistoj, gvidanto A. Petrov.

*Totjma.* — Raporton pri Esperanto faris S-ro M. Valentinov.

*Tver.* — Oficialaj regnaj kursoj en la lernejo.

*Velij* de Pskova gub. — Raporto pri Esperanto de S-ro Valentinoviĉ.

*Vitebsk.* — Esperanton propagandas S-ro K. Lapenko.

## Svislando.

*Basel.* — Propaganda vespero aranĝita de S-ro Rod. Horner kaj S-ino Tissot; parolis S-roj Rob. Kreuz kaj Horner. Kurso komencos kun 19 anoj.

*Bern.* — Nova kurso gvidata de D-ro Spielmann kun 14 anoj. Grupo „Progreso" kalkulas 43 anojn.

*Lyss.* — Post parolado de S-ro Perlet el Bern sekvis kurso gvidata de S-ro Ernst Scheurer, delegito. Tiun kurson vizitas 12 personoj, inter ili du fervojistoj kaj du instruistoj de duagradaj klasoj.

## Usono.

*Flint* (Mich.) — Dank' al klopodoj de S-ro Jaffe, delegito de UEA, komencis kurso kun 50 personoj.

*Los Gatos* (Cal.). — Ĉe „Montezuma Mountain School" Esperanto estas deviga fako dum 2 jaroj unu horon ĉiutage.

*Orange* (Texas). — Japana samideano K. A. Susuki fondis grupon „Lone Star Esperanto-Society".

*Palo Alto* (Cal.). — Leland Stanford Universitato estas sola lernejo donanta krediton por la studado de Esperanto.

## Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado

Sidejo: 12 Bd. du Théâtre, Genève

### Land- kaj Fakorganizoj.

Ni permesas al ni, atentigi pri niaj antaŭaj informoj en „Esperanto" kaj estos tre dankemaj al ĉiuj organizoj, se ili bonvolos starigi kun ni konstantajn rilatojn.

### Cirkuleroj.

Fine de januaro ni dissendis cirkuleron nro. 2. Naciaj societoj, anoj de K. R. aŭ fakorganizoj, kiuj pro ia kaŭzo ne ricevis ĝin, bonvolu tuj informi nin.

Por tuja respondo ni estos dankemaj. Ni ankaŭ petas pri tuja respondo de la cirkulero nro. 1 al ĉiuj ricevintoj, kiuj ankoraŭ ne konfirmis al ni la ricevon.

### Radio-Statistiko.

Por certigi akuratan statistikon ni tre petas, ke tiuj samideanoj, kiuj ankoraŭ ne resendis nian demandaron, bonvolu tion fari tuj por ne malhelpi la bonan funkcion de nia laboro.

### Dokumentoj pri Esperanto.

Por ebligi kompilon de taŭga propaganda materialo ni petas informi nin pri ĉiuj oficialaj rekonoj, dekretoj, rekomendoj, subtenoj de Esperanto en kiu ajn sfero kaj havigi al ni ĉiufoje la originaltekston (en la koncerna lingvo) kun ĉiuj referencoj, mencioj ktp. kun akurata traduko en Esperanto. Tiu peto direktiĝas cefe al tiuj samideanoj, kiuj sin okupis pri la koncerna afero kaj ne rilatis kun ni. Ni samtempe ripetas la peton informi pri tiaj detaloj la respektivan landan societon kaj la fakorganizon, se temas pri aparta fakafero.

### Rondvojaĝo de S-ro Ĉe, sekretario de I. C. K.

Laŭ lia peto, I. C. K. konsentis al S-ro Ĉe libertempon de 3 monatoj kun kora danko pro lia sukcesa, sed laciga vojaĝado. Novaj vojaĝoj estas projektitaj por printempo kaj aŭtuno venontaj. Interesatoj bonvolu jam nun interrilati kun siaj asocioj, federacioj, ligoj kaj karteloj por starigo de provizora plano.

### Gazeta statistiko.

La gazetarajn servojn en la diversaj landoj ni petas afable sendi al ni siajn monatajn ciferojn por ebligi korektan statistikon. Anoj de la landoj sen gazetara servo bonvolu daŭrigi la sendon de eltranĉaĵoj al nia adreso. Por ŝpari sendkostojn ni ne konfirmas ilian alvenon.

Ĝis finiĝo de tiu statistiko alvenis por monato januaro artikoloj en la sekvantaj lingvoj:

| | |
|---|---|
| angla | 27 |
| franca | 25 |
| germana | 14 |
| hispana | 2 |
| hungara | 14 |
| itala | 6 |
| kalaluna | 3 |
| kroata | 1 |
| litova | 1 |
| latva | 3 |
| pola | 3 |
| rumana | 1 |
| rusa | 1 |
| sveda | 2 |

entute 103 en 14 lingvoj.

### Korespondantoj.

Kun plezuro ni ricevos adresojn aŭ aliĝojn de samideanoj, kiuj per jara pago de 100 sv. frk. deziras fariĝi korespondantoj de nia komitato.

*Rob. Kreuz, Ĝen. Sekretario.*

# La financa stato de UEA.

Nerapide sed certe ni atingos la celon. Jen mallonge la resumo pri efiko de nia agado en la pasinta jaro.

Dank' al kunigitaj klopodoj de la delegitoj kaj Centra Oficejo la membraro kreskis ĝis 9239 pagintaj anoj (187 HM, 2236 M, 6394 MA, 422 MS).

Aldonante la 185 Dumvivajn la fina cifero estas 9424 anoj, la jaro 1924 montris staton de . . . . . . . 8265 „
sekve la kresko de la membraro estas . . . 1159 „

Al la bezonata 10000 efektive nur mankus 576 aliĝoj, iom pli ol 6% de la atingita fincifero.

Pro la faritaj klopodoj, dissendo de miloj da reklamiloj, centoj da personaj leteroj al delegitoj, la elspezoj notinde kreskis. Ili atingis la sumon de . . . . Frk. 90 110.61
La enspezoj kontraŭe kreskis nur ĝis . . „ 80 585.52
Sekve la deficito en la regula konto estas . Frk. 9 525.09
Dank' al apartaj enspezoj, donacoj ktp. de . „ 5 819 57
la fina perdo de la jaro 1925 estas . . . Frk. 3 705 52

Tiu ĉi perdo estis egaligata kiel dum pasintaj jaroj de donaco de la asocia kapitalo. Kontraŭ 1924 kiu havis perdon de . . . . . . . . . . . . . Frk. 6 903.18
la jaro 1925 per la sumo de . . . . . . . „ 3 705.52
pliboniĝis (se oni rajtas diri) je . . . . . Frk. 3 197.66
aŭ la perdo de 1925 atingis iom pli ol la duonon de tiu en 1924. Entute ni povas esti kontentaj pri tiu ĉi rezultato, ŝuldata ĉefe al niaj bonvolaj delegitoj al kiuj ni esprimas tie ĉi nian sinceran dankon. Pro kio ni ne estas kontentaj, estas la k o n s i s t o de la cifero de anoj. Interese estas ja, scii, el kio konsistas tiu ĉi nombro 9424, kaj la bonvola leganto senkulpigu nin, se ni turmentus lin per pliaj ciferoj.

Aliĝis efektive en 1925 novaj anoj . . . . . . . 2960
kaj repagis el la anoj de 1924 . . . , . . . . 6464
Sumo de anoj 1925 9424
La sumo de anoj en 1924 estis 8265.
El ili pagis por 1925 6464.
Sekve malaliĝis 1801 personoj. Tiu ĉi eksiĝo estas ŝuldata ĉefe al la ree malboniĝinta mona situacio en Eŭropo, esprimata en la kresko de la armeo de senlaboruloj, malvigleco de la komercaj negocoj. La supraj ciferoj do pruvas, ke kun normalaj cirkonstancoj la ekzisto de UEA estas plene garantiata. Kun speciala intereso ni sekvos la klopodojn de la alta politiko, celanta krei periodon de ekonomia stabileco kaj trankvileco. Ni esperu, ke tiuj penoj havos fine sukceson.

Post tiu konciza informo pri la fino de 1925 ni venu al la nuna jaro 1926. Laŭ la budĝeto ni bezonas 80 000 frankojn svisajn por fini sendeficite. Ni enspezis por kotizoj dum 1925 rondcifere 70 000 Frk. Tio estus po unu paginta ano 7.50 Frk. La meza cifero de 1924 estis 6.80 Frk.; la pliboniĝo do 10%, dankata al interna pliboniĝo de kelkaj fremdaj monoj kaj ioma altiĝo de favorprezoj en kelkaj landoj. Se ĉiuj anoj pagus la oficialan prezon de la kotizoj la meza kotizo pagita estus proksimume dek frankoj. Mankas do 2.50 Frankoj po ano aŭ entute 20 000 Frankoj. Enspezinte tion ni havus nenian zorgon kaj povus plibonigi la servaron, ekzemple pliriĉigi la gazeton, starigi novajn servojn ktp.

En 1925 ni devas atenti kelkajn faktojn por ne riski surprizon malagrablan. Tio estas, kiel mi jam diris, la ekonomia situacio de Eŭropo kiu aŭtomate signifas eksiĝon de multaj anoj nepovantaj pagi la kotizon. Aliflanke la varbado de novaj anoj senteble estas influata de la situacio kaj povos okazi malpliiĝo de la novevarbitoj. Konsiderinda ŝparo en la elspezoj nur ebliĝus per radikala fortranĉo ĉe la ĉefaj kostoj, salajro, gazeto, jarlibro kaj afranko. La salajroj kiuj sumas laŭbudĝete 27 000 Frankoj formas trionon de la tutaĵo, laŭproporcie ĝusta kaj justa por la karaktero de nia oficejo kaj laboro. La gazeto „Esperanto“ kostos kun sendo inter 18 000—20 000 Frk., la Jarlibro proksimume sama cifero, ĉe ambaŭ eldonaĵoj ni alvenis ĉe la lasta ŝtupo de ebleco por ŝpari . . . ne endanĝerigante la alian flankon, nome la e n s p e z o j n. La a f r a n k o, tiu zorginfano de ĉiu internacia entrepreno, devigata multe korespondi kaj senpage dissendi dokumentojn por varbi adeptojn, dependas de la agado. Ĝi estas la mezurilo de aktiveco kaj forigante aŭ malaltigante ĝin senteble, oni riskus perdon konstateblan en la enspezoj. Resume montriĝas, ke ekzistas t r i eblecoj por sukcesi: Altigi la favorprezojn de kelkaj landoj, v a r b i novajn anojn precipe Subtenantojn, k o n s e r v i la nunan membraron kiom eble plej bone.

Pri la favorprezoj ni jam diris, ke iom post iom ni devos atingi la oficialan tarifon en ĉiuj landoj. Nia metodo, starigi por landoj kun malsama aĉetpovo de l' mono favorajn prezojn, adaptitajn al la internaj cirkonstancoj, plene praviĝis. Ni ne intencas tie ĉi klarigi tion per ciferoj sed nur volas rimarkigi, ke ni iom post iom transiros al la devigo de oficiala pago por ĉiuj landoj. Tial ni ŝanĝis por 1926 la favorprezojn de kelkaj landoj, ĝis nun tro favore traktitaj. Mezurilo kontentiganta ĉiujn n e ekzistas; antaŭ ĉio venas la kondiĉo, ke ni ne a l p a g u monon ĉe aliĝo el lando kun malsimila monkurso.

Tie ĉi ni danke rekonu la fakton, ke la anoj el kelkaj landoj (Britlando, Svedio) de jaroj pagas iom pli ol ili devus laŭ oficiala prezo.

La dua punkto — varbi novajn anojn kaj precipe Subtenantojn — estas la kutima peto ĉiujare farita al vi ĉiuj. En kolektiva entrepreno kaj movado la individua laboro de ĉiu unuopulo estas valora kaj necesa. Se UEA relative bone sukcesas, ĝi ŝuldas tion al la sindona laboro de la delegitoj kaj al la konstanta varbado de la membroj. El la antaŭaj klarigoj konstatiĝas, ke la enspezo el la kotizoj ordinaraj (M kaj MA) estas limigata. Ĝi kompensas nur tion kion ni liveras en dokumentoj kaj dank' al la alta nombro de ekzempleroj presataj la oficialaj kotizoj ne bezonas esti altigotaj, kio devus okazi ĉe nesufiĉa aliĝado. Tial ni devus serĉi altigi la enspezojn alimaniere. Antaŭ kelkaj jaroj ni kreis la sistemon de premioj konsentotaj al Subtenantaj Membroj, pagantaj kotizon de 25 Frankoj. Tiu ĉi sistemo montriĝis efika; en 1925 la nombro de Subtenantoj estis 422 kontraŭ 289 en 1924 kaj 144 en 1923. Ni devus atingi, ke ĉiu deka ano de UEA estas Subtenanto kaj por tion akceli kaj instigi ni aranĝis por 1926 belegan serion da premioj, pri kiuj vi legas aliloke. Ĝis fino de januaro aliĝis 160 Subtenantoj, mankas do ankoraŭ 780 por alveni je rezultato kontentiga. Ni atentigas ankaŭ, ke aliĝante kiel Subtenanto oni helpos al la disvastigo de bonaj libroj; niaj eldonistoj bezonas tian helpon.

Ni esperas, ke nia alvoko ne estos vana kaj ke fine de la jaro *1926* ni povos diri:

*„Ni paŝo post paŝo post longa laboro*
*Atingas la celon en gloro“.*

**Hans Jakob**
**Direktoro de UEA.**




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Rabato al anoj de UEA.** — Laŭ interkonsento kun la Centra Esperantista Librejo, 51 rue de Clichy, Paris (9) la anoj de UEA ricevas rabaton de 10% sur ĉiuj mendoj de libroj el propra eldonejo. La anoj de UEA kiuj deziras uzi tiun rabaton devas pruvi la membrecon per la aldono de servokupono sendita al ĉiu paginto por 1926.

**Anoncoj por la Jarlibro.** — Ni informas niajn Delegitojn kaj membrojn, ke la limtempo por akcepto de reklamoj en la jarlibro 1926 estas plilongigita ĝis fino de februaro. Ĉiu kiu deziras ke la Jarlibro 1926 plidikiĝu je interesaj kaj utilaj sciigoj partoprenu en la varbado de anoncoj, kiuj devas kontribui al la kosto de tiu-ĉi libro ne egaligata per la ordinaraj enspezoj.

**Subtenantoj.** — Ĝis fino de januaro 1926 aliĝis 160 personoj al tiu kategorio de membroj. Por fortigi la financan situacion de nia Asocio ni varme konsilas al ĉiuj kiuj povas tion fari

*aliĝi kiel Subtenanto, paganta 25 frk. sv.*

La ofero de 25 frk. sv. estas kompensata per dono de belega premio, valoranta pli ol la diferenco de kotizo de Membro-abonanto al Subtenanto. Jen bonega aranĝo: Subteni la organizaĵon subteni eldoniston de bonaj verkaĵoj kaj akiri laŭ simpla maniero aktualan literaturaĵon. Kiu sekvos la suprajn 160?

**Statistiko.** — Kvaronjara statistiko de administra jaro 1926:
(De 1 novembro 1925 ĝis 31 januaro 1926)

Pagis la kotion:

| | HM | M | MA | MS | Sumo |
|---|---|---|---|---|---|
| Novembro 1925 | | 5 | 46 | | 51 |
| Decembro 1925 | 5 | 168 | 757 | 61 | 991 |
| Januaro 1926 | 10 | 462 | 1125 | 99 | 1696 |
| Sumo: | 15 | 635 | 1928 | 160 | 2738 |

**Garantia Kapitalo.** — Dua serio:

| | frankoj svisaj |
|---|---|
| Antaŭa listo: | 7200.— |
| 25. S-ro Ph. L. Pratley, Westmount, Kanado | 300.— |
| Frankoj svisaj: | 7500.— |

Ni memorigas, ke atesto al la Garantia Kapitalo de UEA kostas 300 frk. svisajn pageblaj en tri partoj dum daŭro de tri jaroj. La atesto de Garantia Kapitalo de UEA rajtigas je dumviva membreco al la Asocio, dumviva ricevo de la gazeto „Esperanto" kaj de la jarlibro kaj ankaŭ de eblaj aliaj eldonaĵoj oficialaj de UEA.

**Pro neatendita abundeco de materialo ni devis prokrasti kelkajn anoncojn-reklamojn por venonta numero. (Red.)**




## Tra la gazetaro

*„Literaturo"* per 28-a numero finas sian lastan jaron de modesta, sed tre utila ekzistado. Bonega stilo, interesa enhavo, neriproĉebla preso, agrabla papero, varia kunlaborantaro. Nur pro la alta angla valuto tiu simpatia revuetо ne estis konata en multaj landoj, kie disvastiĝas malpli valoraj periodaĵoj. Ĝin eldonis la Brita Esperantista Asocio.

*International Language* (jan.-febr.) enhavas legindajn artikolojn de S-ro Flügel, „Esperanto kaj Eduko", de S-ro F. M. Newell, „Esperanto kaj Ekonomio", ambaŭ priparolantaj la valoron de internacia helplingvo. Kiel ĉiam la revuo impresas bone per la varieco de la argumentoj, tiom bezonata en efika propagando.

*La Progreso* (decembro 1925) finis la okan jaron de sia ekzisto. Ĉeĥlingva artikolo „Esperanto en urbaj lernejoj" de F-ino Julie Šupichová, ŝajnhumora artikoleto „Aldono al vivo de Animaloj" de Brehm, per kio la verkinto certe volis diri „Vivo de Bestoj". En la oficialaj komunikoj de Ĉ. A. E. ni legas, ke tutlanda kongreso okazos en Bratislava (Pressburg-Poszóny) 1-2 majo 1926. Statistiko de S-ro Sklenĉka, ĉefdelegito de UEA, montras, ke UEA kalkulas 1097 anojn en 329 lokoj, inter ili 214 kun delegitoj. „La Progreso" estas disvastigata en 266 lokoj kaj Germana Ligo havas anojn en 77 lokoj de la respubliko.

*La Interligilo de l' PTT* (decembro 1925) daŭrigas publikigi fakajn artikolojn, interalie la prelegon de D-ro Spielmann, Bern, pri Universala Poŝta Unio.

*Kataluna Esperantisto* (novembro-decembro) rakontas anekdoton: Lord Grey en sia libro „Twenty Five Years (Dudekkvin Jaroj) donas amuzajn detalojn de la komplikaĵoj lingvaj en la diplomataj konferencoj en Parizo. S-ro Asquith, S-ro Lloyd George devis ĉeesti kunvenon en kiu oni devis paroli france. Asquith ne volis, Lloyd George ne povis kaj li (Grey) fine devis paroli en franca lingvo, malgraŭ stranga akcento, limigita scio de vortoj kaj fuŝa gramatiko. Kiam la kunveno ĉesis kaj ĉiuj eliris, Lloyd Georg diris al Lord Grey: Via franca lingvo estis la sola kiun mi povis kompreni. — „Kataluna Esperantisto" ĉiam bone presita kaj bonstila, plezurigas devigan leganton kia estas redaktoro. El taga gazeto ni eksciis, ke la redaktoroj de „Kataluna Esperantisto" estis monpunitaj de 500 pesetoj, kvankam la revuo kontroliĝis de la Armea Cenzuro!

*Sennacieca Revuo,* literatur-scienc-pedagogia aldono de „Sennaciulo", regule aperas. La decembra numero 1925 enhavas interalie poemon „La verda kaj ruĝa steloj", laŭ la konata spiritostato kun finaĵo

*Nin gvidas al ĉi-celoj*
*Verda kaj ruĝa steloj!*

La klasbatalantaj esperantistoj tiom insistas pri la forigo de la simileco al la „burĝa" esperanta movado. Kial ne anstataŭi rekte la stelon v e r d a n per unu nura r u ĝ a?

*Saar-Radio-Zeitung,* organo de la Radio-klubo en la Saarlando kaj de la Esperanto-Ligo. Aperas semajne en formato 25×30 cm, 10 paĝoj. Imitinda ekzemplo konigi al neesperantistoj la staton de nia movado, samtempe evitante la eldonon de propra gazeto. La lastaj numeroj ricevitaj enhavas multajn interesajn informojn, praktike aranĝitajn.

*Sennaciulo,* la oficiala gazeto de SAT, aperas semajne kun ok paĝoj. La numero 69 (21 januaro) montras reproduktaĵon de poŝtkarto el Mongolio, Mongolburjata familio ĉe sia feltodomo, kun akompana artikolo „El koro de Azio". Alia reproduktaĵo montras oficialan poŝtkarton kun enpresita „Poŝta karto" apud franca kaj rusa „Carte postale — Počtovaja Kartočka". El la varia enhavo de tiu ĉi gazeto ni prenas jenan floron:

**La nova moro kaj novaj nomoj.**

La nova moro en USSR (Unuiĝo de Soc. Sovjetaj Respublikoj) ludas grandan rolon. Mi opinias en ĉi artikoleto priskribi unu flankon de moro: pri novaj nomoj.

Ĝis oktobra revolucio, trarigardante la malnovan kalendaron, ni vidis multajn nomojn en memoro de diversaj sanktuloj. Depost revolucio ni renkontas multajn novajn nomojn en memoro de niaj ĉefoj kaj gvidantoj.

Nuntempe estas nova nomo *Ninel,* kiu devenas de nomo *Lenin,* sed legu ĝin de fino ĝis komenco. El ĝi fondiĝas la nova nomo ina *Ninelina.* Ankoraŭ estas tre bonsona nomo: *Vladilen,* kiu estas kunmetita el komencaj literoj de nomo *Vlad*-imir *I*-ljič *Len*-in.

Krom tio ekzistas nomoj en memoro de nia ĉeloj kaj gvidantoj: *Klara* Cetkin, *Karl* Libkneĥt, *Roza* Luksemburg.

En nia esperantista moro ni ankaŭ povas proponi kelkajn nomojn kunligitajn de laboro de nia ĉefo Zamenhof kaj verkita de li en la lingvo Esperanto. Ni proponos novajn nomojn:

„Esperantino", „Esperino", „Espino".

Kamaradoj, estas dezireblaj viaj proponoj. *B. Belakov.*

---

*Itala Esperanta Revuo* (decembro) ĉiam plaĉe kaj bele presita. Traduko de letero de ĉefministro Mussolini al eksterlandaj reprezentantoj de Italio pri 700-jara datreveno de glora Francisko d'Assisi. — La Palaco de l' Diablo en Trento (legendo). — Revoj apud la Maro. — Rubriko „Scienco kaj vivo" kun malgrandaj informoj.

*Germana Esperantisto* (januaro) enhavas germanlingvan raporton pri la stato de nia movado dum 1925 verkitan de D-ro Albert Steche. Koncize kaj precize verkita la raporto utilos por propagando en germanlingvaj landoj. Iuj nekorektaĵoj estas forigeblaj ekzemple: Sidejo kaj sekretariejo de l' Internacia Centra Komitato estas en Genève (ne en Edinburgh). — Sub Finnlando erareto: Instruministro „von Oslo" donacis 6000 Fmk. (?) Plie ni miras pri la uzado de vorto „Konsulo" por „Delegito de UEA" precipe ĉar ĝuste germanaj samideanoj insistis antaŭ 15 jaroj ne uzi tiun oficiale uzitan titolon. La G. E. A. sciigas la faktan transprenon de la asocia gvidado de D-ro A. Kliemke en Berlin, elektita kiel prezidanto. Adreso de l' Germana Esperanto-Asocio: Deutscher Esperanto-Bund (E. V.), Geschäftsstelle Berlin SW 61, Johanniterstrasse 9. Poŝtĉeko: Berlin Nr. 28577.

*La Fervojisto* (novembro-decembro), kuraĝe kaj sindone redaktita de S-ro Ilija Puhalo, ĉefe interesas niajn fervojistojn. Tamen la ĉefartikolo atentigas pri la danĝero rezultiĝanta el la „gazetfonda febro". Kelkaj linioj:

*„TU-TRA-LI"?*

*Kio estas tio? Tio estas, karaj legantoj, mallongigo de la titolo „Tutmonda Trafika Ligo", kies ĝenerala direktoro estas S-ro A. H. de Marich el Budapest (Hungarujo).*

*Hazarde mi trovis en esperanta redakcio la gazeton kiu portas imponan titolon „La Mondtrafiko" kaj kiu alvokas fervojistojn, poŝtistojn, maristojn, tramvojistojn k. s. aliĝi al „Tu-Tra-Li".*

*Tralegintе ĝin mi ne sciis kion fari. Ĉu mi ridu? Aŭ ĉu mi ploru?*

*Mi devas aldoni, ke S-ro Marich estas ankaŭ redaktoro de „La Policisto", de „La Ĵurnalisto" kaj de fakrevuo „Ko-Fi-Nu-Ko". La lasta estas oficiala organo de filatelistoj, numismatikistoj, korespondemuloj, arĥeologoj, etnografistoj, muzeanoj, bibliofiloj, kaj fine de ceteraj kolektantoj.*

*S-ro Marich asertas en dua numero de „La Mondtrafiko", ke fervojistoj, poŝtistoj, telefonistoj, telegrafistoj ankoraŭ ne havas sian mondfakligon.*

*Al universala organizanto S-ro Marich mi konsilas, lasi almenaŭ fervojistojn kaj poŝtistojn kaj labori por la progreso de Esperanto en sia medio, t. e. en policaj rondoj.*

*Ni koncentriĝu laŭ fakoj, ĉar nenion komunan ni volas nek povas havi kun aliaj fakoj. Progreso de Esperanto inter tutmonda fervojistaro donas al ni sufiĉe da laboro kaj por progresigi ĝin ni subtenu nian fakan organizon kaj ne „Tu-Tra-Li".*

---

## NOVAJ GAZETOJ

*Oomoto,* internacia monata organo de la Universala Homama Asocio (sidejo: 4 rue de Vaugirard, Paris VI) 28×37,5 cm. Abono: 5 fr. fr. por Francujo, 2 fr. sv. por aliaj landoj 4 paĝoj. La unua numero, januaro, enhavas la statuton de la UHA en Esperanto, franca kaj angla lingvoj. La kvara paĝo estas dediĉata al la Esperanto-mondo kaj redaktita de S-ro Salo Grenkamp, la konata deklamanto de esp. poemoj.

*La kolportisto,* oficiala organo de la Esperanta Kolportista Asocio, adr.: Livingstone Jenkins, 64 St. Thomas Road, London North 4. 12,5×20 cm. Abono: 1 ŝil. jare.

*Portugal-Esperanto,* oficiala organo de la Portugala Esperanto-Asocio, 18,5×26 cm 14 paĝoj. Abono: 20 eskudoj. El Portugalo oni tre malofte aŭdas pri nia movado depost la milito kvankam ekzistis kaj ekzistas tie tre fervoraj samideanoj. Ni salutas la novan kunbatalanton kaj deziras prosperon kaj sukceson.

Ni hazarde ricevis de amiko ekzempleron de alvoko, dissendita de S-ro J. Weinberger en Chrzanów, Pol., informanta pri fondo de nova gazeto *Sciencfolioj.* Ĝi estos 100 paĝoj kaj kostas jare 4 dolaroj.

El la alvoko ni represas kelkajn liniojn sensanĝe:

*Sentige lasas sin rimarki kaj eksenti per ĉiuj esperantistoj la manko de perioda organo, kiu sin okupas pri la scienco kaj liverus al la esperantmondo la sciigojn de la sciencsfero kiel: medicino, naturscienco, biologio, geografio ĥemio, tekniko, politika ekonomio ktp. Do mir organizas la eldonaĵon, kiel monatgazeto, kiu povas ĉerpi ĝiajn artikolojn el aŭtoritataj placoj t. e. rekte de scienculoj.*

*. . . kaj kiu estis krom tio dotita per ĉiuj plej modernaj teknikmezoj (illustraĵoj sur kretpapero) tielmaniere ke la tuteco prezentiĝos luksa, bela kaj daŭra, aliaflanke, per ĝia faka enhavo povus agi kiel organo populariganta la sciencon, kiu instruus nin, esperantistojn kaj donu al ni la rimedojn ekkoni la sciencmovadon sen rigardo de ŝtatlimoj, kontinentoj kaj rasoj.*

Post tio ni scivoleme atendas la unuan kajeron por nin instrui, ne pri gramatiko kaj stilo de Esperanto, sed pri la sciencmovado (?) esperante ke dumtempe la bonintenca redaktoro plibonigis sian konon de plej simplaj reguloj de nia lingvo. Ni deziras, ke la fondonto de tiu scienca revuo ne seniluziiĝu pri ebla manko de aproboj kaj . . . abonoj de ricevintoj de tiu alvoko. *(H. J.)*

---

## AL NIAJ KUNLABORANTOJ

**Oni sendu la manuskriptojn, kronikaĵojn, anoncojn ĝis la 15a de ĉiu monato por apero en la sekvanta monato.**

# Niaj mortintoj.

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro **Hristo Stojanoff Ejbekoff,** ekslinancestro en Pirdop (Bulgario), malnova esperantisto kaj ano de UEA, mortis 4. I. 26 post longa malsano, 49-jaraĝa. I. H. K.

S-ro **Helmuto Janverk,** malnova fervora esperantisto, del. de UEA, en Vasalemma, Estonio, mortis en novembro en la aĝo de 38 jaroj.

S-ro **Jekab Niedre,** ano de UEA 19770 en Jekabmiests, Latvio.

S-ro **Petro Bermaks,** ano de UEA 24261 en Rundani, Latvio.

S-ro **Emilio Gaston Ugarte,** vicdelegito de UEA en Zaragoza (Hispanujo), entuziasma esperantisto de la jaro 19?8, fondinto de la societo „Frateco", profesoro de Esperanto, diplomita de la H. S. p. p. E. je 1911-a jaro, eksvicprezidanto de la I. S. E. J.,



S-ro Emilio Gaston Ugarte, VD de UEA

honora membro de Barcelona Esperanta Socio kaj de Kataluna Esperantista Federacio kaj de Esperanto-Societo por Stirio (Aŭstrio) kiel meritega premio pro lia laborega organizo de la „Hispana esperantista helpo al aŭstriaj infanoj" dum la kvinjaro 1919—1923, vicprezidanto de Aragona Esperantista Federacio.. kaj, sur ĉio, la vera, spirita, kora samideano, la neforgesebla amiko, la bona viro, subite mortis en tiu urbo, 16 dec. 1925, 48-jaraĝa.

D-ro **D. Rhys-Jones,** ano de UEA N-ro 6745 (seninterrompe depost 1910), mortis 22 decembro en Cardiff, 80-jaraĝa. Fervora kaj frua pioniro de nia movado en Kimra lando li estis konata kiel la „Grand Old Man of Esperanto". *B. E.*

S-ro **William H. Scott,** 74-jaraĝa, en Bournemouth subite mortis en preĝejo (decembro) legante la testamenton en Esperanto. *B. E.*

S-ro **A. Kemp Brown,** ano de UEA N-ro 20970, mortis la 4-an de de embro 1925 en Letchworth, 74-aĝa. Li estis bonekonata membro de la Societo de Amikoj kaj multe vojaĝis pro Kvakeraj aferoj, speciale tra Skandinavio.

Pri S-ro Joseph Parotte ni ricevis ankoraŭ jenan informon pri lia morto:

Dimanĉon, 6 decembro 1925, la ekskursa sekcio de la Verviers'a Esperantista Grupo foriris por ekskurso al la „Baraque Michel", je 20 km de Verviers, kaj la plej alta punkto de Belgujo, meze de „La Fagne", tiu sovaĝa lando je tiu momento, kovrita de pli ol unu metro da neĝo.

S-ro Parotte foriris pli malfrue kaj pensis revidi la aliajn ĉe la Baraque Michel, kaj sola eniris „La Fagne". Estis lia lasta ekskurso! Oni ne plu aŭdis pri li kaj vendredon, la 11-an, posttagmeze oni nur retrovis lian korpon. Li estis 50-jara.

La 14 decembro je la enterigo la prezidanto de E. G. el Verviers adiaŭis lin je la nomo de la esperantistaro.

S-ro Parotte estis unu el la unuaj esperantistoj en Verviers. En 1908 li prenis la prezidantecon de la nova esp. grupo kaj la



S-ro Joseph Parotte, Verviers

sekvontan jaron, li estis unu el la organizintoj de la 1-a Belga Esperanto-Kongreso. La Belga Ligo nomis lin Honora Komitatano kaj juĝanto por la ekzamenoj por profesora kapableco.

Li estis tre klera samideano kaj la Verviers'a Esperanto-Grupo havis kruelan baton kaj gravan perdon.

La V. E. G., la Scienca Grupo kaj la Historia kaj Arkeologia Societo decidis starigi en „La Fagne", kie oni retrovis la korpon, monumenton je lia memoro. *J. P. D.*

Dum 1925 mortis jenaj samideanoj, pri kiuj ni ne ricevis informojn de esperantistoj aŭ parencoj:

S-ro **Theodor Fuchs,** kortega konsilanto en Vieno, multe klopodinto por nia movado antaŭ la milito. Verkis la broŝuron „Esperanto kaj Ido".

S-ro **Jungwirt,** kortega konsilanto, Vieno.

S-ro **P. Fischer,** lernejfrato, Vieno.

S-ro **Rafaelo Krtaliĉ,** del. de UEA en Mostar (Sudslavio), 12 aŭgusto 1925.

S-ino **Krämer,** kasistino de grupo „Fideleco" en Vieno.

S-ro **Kraus-Horn,** policisto en Vieno.



# Esperantista Parolejo.

### Oni laŭdas!

∴ S-ro *Johano Pogoreckis*, ano de UEA, el Litovio, sincere dankas la Ĉ.-D. S-ron Max Blankenheim en Berlin, Del. S-ron Arthur Schulze, S-ron Homann por plej afabla helpado dum lia restado en Berlino kaj sinjorojn Fritz Loewenstamm kaj D-ron Robert Fulda pro ilia afabla akcepto kaj helpado.

∴ S-ron *Andrew Snider Vinzent*, San Francisco, ĉefdelegito de Kalifornio, Usono, dankas kore S-ron K. Kliem, del. de Striegau, Germ. Silezio, por helpo en grava afero (sciigoj pri serĉita persono).

∴ S-ro *G. Facchi*, del. en Brescia (Italio), ankaŭ je la nomo de la ĉi tiea Komerca Ĉambro esprimas tutkoran dankon al tiuj delegitoj kiuj klopodis pri disvastigo de cirkulero de la Komerca Ĉambro kaj precipe dankas por tre valora laboro S-rojn delegitojn: Balkanyi el Budapest, Sklenčka el Hradec Kralové (Ĉ. S. R.) kaj W. L. Waterman el Adelaide (Aŭstralio).

∴ La delegito de UEA en Zwickau (Saksujo), S-ro Clemens Rudert, faris al mi grandan servon, ebligante la ricevon de sciigoj pri de antaŭ 50 jaroj en Schneeberg (Saksujo) okazinta kongreso de instruistoj. *R. Čálek*, delegito de UEA en Tiegenhof (Libera Urbo Danzig).

∴ S-ro *Ŝintak*, ano de UEA el Ĉeĥoslovakio, mondvojaĝanta sincere dankas al ĉiuj delegitoj kaj aliaj samideanoj lin helpintaj dum lia vojaĝo.

∴ S-ro *J. F. Yeomans*, del. por Barrow (Anglujo) deziras esprimi sincerajn dankojn al S-ro Pierre Flageul, del. Issy-les-Moulineaux, S-ro Raymond Goudin, del. en Perpignan, por tre feliĉa kaj ĝuema vizito al la Coté Vermeille, S-ro Franz Dreiskemper, del. en Recklinghausen, Rejnlando, por feliĉaj okazoj en Ruhr-regiono.

∴ S-ro *Percy T. B. Hudson* el Melbourne, Aŭstralio, kore dankas al S-ro George F. H. Clarke, del. en Capetown (Sud-Afriko), S-ro E. C. Mawbey, vicdel. en Johannesburg (Sud-Afriko), S-ro Pedro Gomez, del., kaj S-ro Andres Villafranca, vicdel. en Buenos-Aires (Argentino), S-ro Pedro Casas, del., kaj multaj aliaj afablaj amikoj en Montevideo (Urugvajo), S-ro L. Sepulveda Cuadra kaj S-ro Armando Castillo en Santiago (Ĉilo) pro afablaj akceptoj kaj gravaj servoj dum mia lasta ĉirkaŭ-la-mond-vojaĝo.

# Esperantista Vivo.

**Naskiĝoj.** — Al Ge-sroj *Mialhe*, anoj de UEA en Saigon-Koŝinĉinio naskiĝis filino nomata Françoise.

— Al Ge-sroj *Tressel*, del. de UEA, fileneto.

— Al Ge-sroj *Robert Bolliger*, del. en Bern, naskiĝis filino nomata Eva-Doris.

— Al Ge-sroj *W. R. Wood*, Torquay, Anglujo, je la 2-a de januaro filo Edward Ludovic.

— Al Ge-sroj *Ilio-Jordanja Silvestriev*, ano de UEA en Ŝumen, Bulg., naskiĝis filineto Valentina.

— Al Ge-sroj *Julio Baghy*, nia ŝatata poeto kaj aktoro en Budapest, naskiĝis filo Julio-Kolomano; baptogepatroj estis D-ro Kolomano de Kalocsay kaj F-ino Maria Kleinberger, ambaŭ esperantistoj.

— Al Ge-sroj *Rudolf Michael Frey*, sindona del. de UEA en Wien, naskiĝis filo Rud. Maximilian.

**Edziĝoj.** — S-ro inĝeniero *Hilmi Djelil Bey*, del. de UEA en Konstantinoplo, kun F-ino *Inayet Hadji Hassan Paŝa.*

— S-ro *Teodoro Rein*, ano de UEA en Riga, kun F-ino *Edith Zomar.*

— S-ro *Max Wurmbrand*, sekr. de Rumana Esperanto-Societo, kun samideanino *Fromê Tibermann* en Bucuresti.

**Honorigo.** — S-ro André Baudet, la energia defendanto de Esperanto, ĉe la Komerca Ĉambro en Paris estis elektita ĝia unua vicprezidanto. Ni kore gratulas!

### La cirkulero de la komerca ĉambro de Brescia.

La cirkulero de la ĉi tiea Komerca Ĉambro pri kondiĉoj de itala ekonomio, sendita antaŭ kelke da monatoj al ĉiuj delegitoj de UEA, montris plenan taŭgecon de Esperanto kiel internacia komerca propagandilo.

El ĉiuj landoj alvenis al la sendinto (G. Facchi, del. de UEA en Brescia) respondojn kaj gazetojn tradukintajn la cirkuleron.

Speciale laŭdindaj estas la Komerca Ĉambro de Hradec Kralové (Ĉeĥoslovakio), kiu pere de la ĉefdelegito S-ro O. Sklenĉka, mem interesiĝis je la disvastigo, la delegito en Budapest S-ro Balkanyi kiu tradukis la cirkuleron por 65 hungaraj gazetoj, kaj la delegito en Adelaido (Suda Aŭstralio) S-ro W. L. Waterman kiu tradukis la cirkuleron por aŭstraliaj gazetoj kaj ĝin transdonis al la Komerca Ĉambro de Adelaide, kiu ĝin eldonis kun siaj oficialaj sciigoj.

Eĉ el plej malproksimaj lokoj, ekzemple el insulo Javo, oni ricevis skribaĵojn pri la ricevo de la menciita cirkulero.

*

### Internacia Medicina Revuo.

Komencas aperi nova medicina revuo en Esperanto, oficiala organo de la Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio (TEKA), kun vasta programo, riĉa enhavo, sub ĉefredaktado de la konata profesoro de ĥirurgio en la Universitato en Lille prof. Vanverts kaj sub honora protektado de famekonataj medicinaj aŭtoritatuloj: prof. Bujwid (Kraków), prof. Pirquet (Wien), prof. Charles Richet (Paris), prof. H. Vierordt (Tübingen) kaj aliaj. La titolo estas „Internacia Medicina Revuo". En tiu ĵurnalo koncentriĝos la penoj de ĉiuj ĝisnunaj medicinaj esperantaj laborantoj. La ĵurnalo enhavos originalaĵojn, aŭtoreferatojn, referatojn, enketojn kaj ĉion, kio koncernas la medicinan movadon en la mondo. Adreso de la redakcio kaj administracio estas: D-ro Briquet, 31 Rue de la Bassée, Lille, Franc. Jara abono 1 amerika dolaro, sendota al D-ro Briquet. Ni petas ĉiujn kuracistojn, farmaciistojn, medicinstudantojn kaj parencajn fakojn forte subteni la novan revuon, tuj ĝin aboni kaj provizi per interesaj artikoloj kaj sciigoj.

*D-ro Blassberg* (Kraków). *D-ro Briquet* (Lille).
*D-ro Róbin* (Warszawa).

# Korekto.

En la artikolon „Nia sinteno al la laboro" en januara numero de nia gazeto bedaŭrinde enŝoviĝis kelkaj preseraroj, kiuj malfaciligas la kompreneblecon de la malfacila temo. Ni petas korekti: pĝ. 4, 2. kol. 4. alin., grando (anst. granda) 8 alin. tekniko (anst. teknike) 12 alin. intuicio (anst. institucio) pĝ. 5. 1. kol., 1. alin. disvolvigi (anst. disvolviĝi) 4. alin., enŝovu post . . sentado; tial . .; 3 alin., de malsupre orientiĝi (anst. orientiĝo).

# Korespondado

Interŝanĝo de objektoj.

### Aŭstrio.

**Wels.** S-ro Karl Franz, Sparkasse, L, PI kĉl.

### Belgio.

**Antwerpen.** S-ro C. Bogaert, Meir 103, eldonisto de „Cultura", la plej grava duonmonata ilustrata revuo en flandra lingvo pri bredado de dombestoj, interŝanĝas kontraŭ samfakaj revuoj kĉl., L kĉl. pri bredado, precipe de kokinoj, kunikloj, kaprinoj.

**Berchem-Antwerpen.** S-ro Ad. Houben, diamantisto, Kemmelbergstraat 3, PI bfl, PM kĉl.

**Huy.** S-ro A. Landenne, Rue St. Domitien 9, PM.

### Brazilo.

**Juazeiro (Bahia).** S-ro Jayme M. Souza, inĝeniero, PI bfl kĉl.

### Britlando.

**Letchworth.** F-ino F. M. Bartholomew, 132 Wilburg Road, L, PK kun samideaninoj pacifistaj kaj vegetaranoj kiuj intencas viziti la XVIII-an kongreson.

**Ryton-on-Tyne.** S-ro V. Fairbairn, 21 St. Mary's Terrace, L, PK kĉl. pri naciaj tipoj de saklajfiloj kaj ties arioj. Interŝanĝe povas sendi ariojn de Northumberland-saklajfiloj.

**Sheffield.** S-ro Cyril W. Gardner, 35 Moor View Road, Woodseats, L, PI kĉl Ĉiam respondos.

### Bulgario.

**Petriĉ.** S-ro Kiril Stamenov, L, PK pri diversaj temoj kĉl., precipe ekstereŭropanoj.

**Shumen.** S-ro Ilia Silvestriev, pro troa okupiteco ne povas korespondi. Ne interŝanĝas PM aŭ PI.

**Stanimaka.** S-ro S. Sasonov, PI, L pri interna ideo.

**Tirnovo.** S-ro Anton M. J. Pomakov, 25-jara, str. „Vojniŝka" 2225, L, PI, fot-aĵojn kĉl.

**Tirnovo.** S-ro Georgi Donĉev, 26-jara, str. „Gurko" 389, L kun seriozaj gesamideanoj de la tuta mondo pri ĉiutagaj temoj, PI.

### Ĉeĥoslovakio.

**Brno.** Gazeto „Nový Lid" interŝanĝas PI, fot-aĵojn kĉl.

**Německý Brod.** S-ro František Vondra, 161 dol., PM, PK, PI.

**Pelhřimov.** S-ro V. K. Wolf, delegito de UEA, L, PI, PM, fot-aĵojn kĉl.

**Praha I.** S-ro Jára Šmejkal, Karoliny Světlé 14, PI bfl kĉl., certe respondos.

**Skřivany.** S-ro J. Oulehla, oficisto, posedas grandan provizon da bonaj PM por interŝanĝado. Bazo ĉiu katalogo. (Kontraŭ 50 diversaj ekstereŭropaj kaj koloniaj mi sendas 70 diversajn de Ĉ. S. R. aŭ 100 div. neuzitajn germanajn.) Referencoj en ĉiuj landoj.

**Železnice u Jičina.** S-ro Jaromir Zajiček, redaktoro, PI, L kĉl., escepte Aŭstrio kaj Germanio.

### Danmarko.

**Holbäk.** S-ro Holger Hansen, Ringstedvej 17, L, PI (nur de skulptartaĵoj).

### Estonio.

**Tallinn.** S-ro H. Sakaria, Vene 12 - 6, L, PK kĉl. nur pri funkcioj, kancelariteknika organizo kaj labororde en ŝtataj kaj komunumaj oficejoj.

### Franclando.

**Boulogne-sur-mer.** S-ro E. Barthélémy, 144 rue de Calais, interŝanĝas purajn, bonstatajn PM, 500—1000, kĉl. Rekomendu sendaĵon.

### Germanio.

**Elze-Hannover.** S-ro Erich Wagenbreth, 24-jara fraŭlo, ĵurnalisto, Bahnhofstr. 24 A, PK, L, PM kun fraŭlinoj kaj geĵurnalistoj. Certe respondos.

**Freital.** S-ro Otto Leichert, instruisto, L, PK pri pedagogiaj temoj.

**Freital.** S-ro Walter Johne, instruisto, Richard-Wagner-Platz 5, PM, sigelmarkoj.

**Gera.** S-ro Curt Ostermann, Blücherstr. 55, II, PI bfl, esperantajn gazetojn kĉl. precipe Oriento, Rusio, Palestino, Egiptio.

**Gera.** S-ro Felix Romroth, Viktoriastr. 49, interŝanĝas proprajn desegnaĵojn kaj pentraĵojn kontraŭ japanaj.

**Gera.** S-ro Max Pohl, Pestalozzistr. 7, PM, esperantajn gazetojn kĉl.

**Gablenberg apud Stuttgart.** S-ro Adelberto Geiger, Krämerstr. 7, PK, L pri ĉiuj temoj, prefere kun rusoj, japanoj, italoj kaj hispanoj. Ĉiam respondos.

**Honnef a. Rh.** S-ro Wilh. Solzbacher, Spiesgasse 1, pri katolika junularo, junulmovado, pacifismo kĉl.

**Koblenz.** S-ro L. Funken, delegito de UEA, Florinsmarkt 7 a, ilustritajn gazetojn, korespondas pri prudenta libertempo kun eŭropanoj.

**Magdeburg.** S-ro Fritz Rockmann, komitatano de UEA, Otto-von-Guerickestr. 61, serĉas por siaj ĉirkaŭ 40 lernantoj 12—14-jaraj konvenan korespondadon nur kun negermanoj prefere kun kelkiuj el ekstereŭropaj landoj.

### Hungario.

**Győr.** S-ro Paulo Wildhofer, Kalvaria u. 7, L, PI bfl kĉl. Certe respondas al ĉiuj.

**Győr.** S-ro profesoro D-ro Ladislav Matolcsy, grupestro, PK, bildojn, fot-aĵojn ktp. de edukaj institutoj, lernejoj. Ankaŭ detalaĵojn. Al ĉiu respondas.

**Győrrévfalu.** S-ro Josefo Bajcsy, Vásárhelyi Pál utca 50, L, PK kĉl.

### Irlando.

**Dublin.** S-ro F. R. A. McCormick, vicdelegito, 5 Mount Eden Road Donnybrook, deziras ricevi specimenajn kopiojn de radiaj kaj esperantaj ĵurnaloj por propagando, ankaŭ korespondas pri radio.

### Italio.

**Potenza.** S-ro V. Verdura, PI, PM kun seriozaj personoj, sendas saman valoron laŭ Yvert 1925.

**Spezia.** S-ro Verdini Fiorenzo, Viale San Bartolomeo 69, L, PI bfl kĉl.

**Trento.** S-ro Giorgio Cristofolini, Santa Croce 2, PI kun fraŭlinoj ĉl.

### Meksiko.

**Tampico.** S-ro Ernesto E. Guerra, L kun sinjorinoj, fraŭlinoj aŭ plenaĝaj studentoj. Tiuj kiuj konsideras skribadi kvazaŭ punlaboron, kiuj ŝatas nur pritrakti pri veterŝanĝoj, aŭ kiuj havas determinatajn materialajn celojn, ne okupu sin pri tiu ĉi anonceto.

### Nederlando.

**Aalsmeer.** S-ro Dirk Keessen, Dzn. Uiterweg 200, PI, L kĉl.

**Amersfort.** S-ro H. v. d. Leeuw, Wilhelminastraat 27, PI kĉl.

**Amersfort.** S-ro G. Adriaans, arkitekto, Borneoplein 4, PI kĉl.

**Cuyk.** S-ro P-ro F. Severyns, St. Agatha, L pri nova klarigado etimologia de esperantaj vortoj, precipe kolerativoj, nur kun seriozaj kompetentuloj.

### Nederlanda Indio.

**Semarang (Java).** S-ro Liem Tjong Hie, Kranggan 23, interŝanĝas esperantajn librojn, esperantaĵojn kontraŭ sia libro „Javaj legendoj kaj fabloj".

### Pollando.

**Dabrowa-Gornicza.** S-ro Maurycy Wygodzki, instruisto, ul. Kosziuski 24, L, PK, pri sociaj kaj naciaj problemoj. Certe respondos.

**Lubania (n. Pilica).** S-ro Józef Bulski, instruisto, PI kun ekstereŭropanoj.

**Mikstat (pow. Ostrzeszów).** F-ino Janina Bieganska, L, PI, PM kĉl.

**Zagozdzon (W. W. P.).** S-ro T. Tomalik, PM laŭ Yvert. Nepre respondos.

### Portugalo.

**Arcos de Valdevez.** S-ro José Maria da Silva, Rua Alex. Herculane 26, PM kĉl., escepte Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Germanio, Hungario kaj Polujo.

### Sudslavio.

**Janjina (Dalmacio).** S-ro Marko Beus, PK, L kĉl.

**Novi-Sad.** S-ro Szkičak Lászlo, 20-jara fraŭlo, komercista komizo, Nemačka ul. 9, PI, L kĉl. kun fraŭlinoj.

**Novi-Sad.** S-ro Andreo Piller, Temerinska ul. 18, 20-jara maŝinseruristo, L kun samideanoj de la maŝinteknika fako kĉl., PI bfl. Interŝanĝas ĉiuspecajn monojn.

**Sreser-Janjina (Dalmacio).** S-ro Vito Špaleta, PK, L kĉl.

**Sreser-Janjina (Dalmacio).** S-ro Ivo Brlezi, PK, L kĉl.

**Sreser-Janjina (Dalmacio).** S-ro Mato Car, PK, L kĉl.

### Svislando.

**Le Locle.** S-ro P. Humberset, profesoro, La Jaluse, deziras korespondantojn per PI por siaj gelernantoj de oficiala kurso (plenkreskuloj). Ĉiam respondos.

### Usono.

**Mitchell (South Dakota).** S-ro C. H. Gibbons, Faith Home, L kun gesenesperuloj kaj seriozuloj pri la korpaco Dieca. Skribu ĉiuj.

**Orange (Texas).** S-ro K. A. Susuki, P. O. Box 79, PI kĉl. Ne respondas al filatelistoj.

# Petoj kaj Proponoj

Internacia Komerco.

**Almanakojn.** Mi dankege ricevus malkarajn almanakojn de iu ajn jaro (prefere de la malnova speco ŝatata de la kamparanoj) pro kompara studo. Al ĉiuj sendontoj, kiuj ne sciigos min pri alia deziro, mi sendos PI de arĥeologia intereso. S-ro Marin, Whiteway, Stroud (Glos.), Anglolando.

**Filatelistoj!** Bonvolu postuli miajn belajn elekto-sendaĵojn de PM de Eŭropo kaj mian novan prezaron. S-ro Schultze, Koeslin (Pomm.), Germanio, Postschliessfach 5.

**Filatelistoj! Esperantistoj!** Helpu min, militinvalidon, mi rekompencos vian penadon: mi ne estas kolektanto, sed aĉetis 750 „Baranya"-poŝtmarkojn dum jugoslava regado kaj posedas 70-jaran familian korespondaĵon. Mi finstudis plej altajn ĉeflernejojn, sciencan universitaton por mezlerneja instruado; mi posedas plej altan vinberkulturistan ateston, por kio necesas finstudo de ekonomia akademio kaj vinkultura ĉeflernejo. Mi ekzercis agrikulturon kaj vinkulturon dum dek jaroj en ŝtata kaj privata grandbieno. Plej eminentaj fakuloj de Hungario estas pretaj doni pri mi informon antaŭ ia ajn eksterlanda konsulo en Budapest. Mi estas ankaŭ sperta en semnobeligo, elekto de vinfeĉoj, mikroskopa ekzameno de vinmalsanoj, t. e. en laboratoriaj laboroj. Pro mia invalideco mi serĉas postenon en sudaj landoj. Rekompence por ĉiu sudlanda gazeto el ia ajn parto de la mondo, en kiu aperas pri mi longa anonco, mi sendas 20 „Baranya" kaj malnovajn hungarajn poŝtmarkojn. Por unuaranga posteno mi oferos ĉiujn miajn poŝtmarkojn. S-ro Ludoviko Ihász, Csudaballa puszta, u. p. Turkeve, Hungario.

**Italio.** Librotenisto akceptas prizorgon de komercaj komisioj. Skribu G. B. Casella Postale 133, Parma.

**„Nova Tempo"**, Viena revuo, N-roj 15 kaj 22, serĉas P. Balkányi, Budapest, Hajos-u. 15, Hungario.

**Pensiono.** 4 personoj, nederlandanoj, serĉas gastejon en Svislando dum du semajnoj en la monato aŭgusto. Prezo 5 frankojn tage. Proponojn atendas S-ino Kramers, Apeldoorn, Arnhemscheweg 59, Nederlando.

**Poŝtmarkkolektanto.** Mi interŝanĝas PM 500—1000 pecojn nur uzitajn de nia ŝtato kĉl. František Vondra, 161 Dol., Německý Brod, Ĉeĥoslovakio.

**Stenografio.** „Esperanta stenografio internacia". Korespondada skribo finlernata dum unu horo, kompleta kurso por 1 franko svisa aŭ samvaloro per poŝtmandato. Dua parto (mallongigoj plejmulte laŭ reguloj) lernata dum 1 ĝis 2 horoj, mallongigas la skriblaboron ĝis unu okono. Lernolibro 1 franko svisa, 12 ekzempleroj 10 frankoj svisaj. S-ro Dyba, gimnazia profesoro, Berlin-Niederschönhausen, Moltkestrasse 4.

**Stenografio.** Petu la skriban kurson „Stenografio por esperantistoj" de B. P. Roubos, Noordendijk 90, Dordrecht (Nederlando). Al petantoj li sendas senpage la unuan lecionon kun bezonaj informoj. Por tiuj, kiuj sukcese respondos la postulojn por la praktika uzado, sekvos, post la oka leciono, diplomo A.

**Svisaj PM** senditaj en rekomendita letero afrankita per malofltaĵoj, kontraŭ antaŭsendo de 10 frankoj por 105 malsamaj kaj 5 frankoj por 70 malsamaj. Nur bona kvalito. S-ro Ed. Bellion, Montreux, Svislando.

# ABRAKADABRA

Jen estas la plej efika metodo **por fari oron el sablo.** Plenigu trian$\,$ulan teleron per sab'o kaj metu brulantan kandelon en la meza angulo. Nun fortranĉu la ungon de la unua maldekstra piedfingro kaj ekbruligu ĝin per la kandelo. Kiam la ungo estos tute forbrulata, prenu zorgeme la cindron per la unua kaj kvara fingroj de la dekstra mano kaj enmetu ĝin en la maldekstran naztruon. Nun enŝovu la nazon en la sablon, fermu la okulojn kaj ternu. Malfermu la okulojn, kaj jen, vi ekvidos **oron** — flavan, radiantan oron. Sed jen malgranda antaŭzorgo antaŭ ol vi komencas. En nenia okazo, dum la tuta procedo, vi devas pensi pri la vorto ABRAKADABRA. Se vi eĉ nur unu fojon pensos ABRAKADABRA, la aliformiĝo de la sablo ne okazos.

Sinjoroj, dum trideknaŭ jaroj ni penadas, klopodadas kaj preparadas la cindron por la plej mirinda aliformiĝo de la mondo, sed bedaŭrinde la oro ne venas, ĉar ni ĉiam pensadas pri la vorto ABRAKADABRA. Trideknaŭ jarojn, kamaradoj, ni argumentadas kun niaj najbaroj pri la granda eltrovaĵo ESPERANTO, pri ĝia utileco, pri ĝia neceseco, pri ĝia facilakirebleco, pri la feliĉegeco, kiun ĝi alportos al la homaro, tamen, niaj najbaroj nur ridetas je nia infanaĵeco kaj samtempe ŝtopas siajn orelojn por ne aŭdi nian babilaĵon. Ni, kiuj estas tiel certaj, ke nenio en la tuta mondo iam ajn alportis aŭ iam ajn povas alporti tian grandan utilon, tian senliman feliĉegon sur la sangsaturitan, larmkovritan terglobon nian, kiun povas alporti la enkonduko de nia lingvo. Tamen, la mondo obstine restas surda kaj muta al niaj argumentoj. Trideknaŭ jarojn, amikoj, ni ageme laboradas kaj oferadas nian tempon kaj niajn vivfortojn, kaj ĉion, kion ni akiris, estas manpleno da esperantistoj en unu lando kaj alia manpleno en alia lando, kaj la tuta ESPERANTISTARO el ĉiuj landoj kune eĉ ne povas subteni la gazetaron sen la almozoj de manpleno da sindonemuloj.

Kial? Kial? Fratoj de la movado? Ĉu vere la malbeno de la turo de Babelo ankoraŭ restas sur la homaro? Ĉu vere, ke ĝi infanigas niajn mensojn, blindigas niajn okulojn kaj surdigas niajn orelojn, por ke ni ne komprenu la bonon, ne vidu la belon kaj ne aŭdu la veron? Aŭ tio nur estas nia kulpo.

Pripensu, sinjoroj, ESPERANTO, la plej granda majstraĵo de homa genio; ESPERANTO, la estonta beno de la homaro; ESPERANTO, la plej efika ilo por aliformigi ĉi tiun *Gehenon* plenigitan per la sango de niaj fratoj, la larmoj de niaj fratinoj, la ĝemoj de niaj infanoj; ESPERANTO, la sola ilo, kiu vere povus alporti la paradizon sur nia tero, anstataŭigante la larmojn per rosgutoj, la sangon per floroj, kaj la ĝemojn per sonora ridado de feliĉa homaro. Ĉu ni, esperantistoj, per ilo kiel Esperanto vere devas daŭrigi nian esperon trideknaŭ fojoj trideknaŭ jarojn plu antaŭ ol la esperantistaro de Esperantujo ne plu bezonos esperi la esperon esperitan? Ĉu ni vere estas kontentaj ke niaj pranepoj post miljaroj, kiam el niaj ostoj eĉ la polvo ne restos, ĝuados la benojn, por kiuj ni nun fordonas kaj oferas niajn horojn, niajn tagojn, niajn noktojn, niajn plezurojn kaj niajn tutajn vivojn? Ne, kamaradoj! Mil fojojn *ne!* Mi, kiel unu, ne estas kontenta. „Vi estas egoisto", vi diros. Nu, bone, tiel estu, tamen, mi mem volas vivi kaj vidi la aliformiĝon. Mi mem volas senti kaj ĝuadi la benon sur la tero Mi, kiel unu, ne volas fordoni mian vivon pro miaj pranepoj. Kaj mi diras al vi, kaj al vi, kaj al ĉiuj aliaj, kiu ajn vi estu, ĉu laboristo, ĉu doktoro aŭ filozofo, ĉu simpatiulo, ĉu agemulo aŭ redaktoro, vi ĉiuj portas la kulpon, ĉar vi ĉiuj portas la ABRAKADABRON en via koro. ABRAKADABRA dum viaj agoj. ABRAKADABRA dum viaj paroladoj kaj ABRAKADABRA dum viaj argumentoj. Vi dubas, sinjoroj, vi ne havas la kuraĝon diri al vi mem, ke Esperanto jam nun estas fakto kaj ke ĝi jam nun estas enkondukata, *nun, dum nia vivo.* Elpelu do la malbenitan ABRAKADABRON el via kapo kaj la dubon el via koro. Ĉu vi ne vidas, ke tio estas la kaŭzo, kiu haltigas la progreson? Ĉu vi ne scias, ke vi ne povas influi aliajn, kiam vi mem dubas? Ĉu vi ne vidas, ke ABRAKADABRA kiel nigra ombro postsekvas ĉiun paŝon vian? Eĉ nia majstro mem dubis. Lia unua pamfleto portas la sigelon de ABRAKADABRA kaj, ho ve! la oro ne venis, kaj li ne estas plu. Ni dubas, la oro ne venas kaj ni ankaŭ foriros kaj ne estos plu, se ni daŭrigos labori pro niaj pranepoj. Lasu la pranepojn ĝojegadi kun la anĝeletoj kaj komencu labori por vi mem. Fariĝu egoisto por unu jaro. Diru al vi mem kaj al viaj najbaroj, ke la jaro 1926 estas la jaro en kiu Esperanto nepre estos enkondukata, kaj mi garantias ke ĉe la fino de la jaro vi mem ĝuados la benon por kiu vi laboris.

Sed, „kiel, kiel", vi diras, „ni povas forpeli la dubon kiam ĝi estas enkorpita en ĉiu atomo de nia ekzistado?" Jen kiel, sinjoroj.

La **Benson Esperanta Skolo** sukcesis en la preparado de la plej efika antidoto kontraŭ dubo, precipe la dubo pri la tuja efektivigado kaj enkondukado de la esperanta lingvo. Ĉi tiu *Antidoto* posedas tiun mirindan kvaliton, ke per ĝi vi povas ekinteresigi kaj entuziasmigi ĉiujn, eĉ la plej fortajn skeptikulojn. Vi devas nur montri la *„Universalan Esperantistigilon"* kaj la sablo tuj aliformiĝos kaj fariĝos *oro,* tute egale ĉu vi pensas pri ABRAKADABRA aŭ ne. Ni povus citi la opiniojn de centoj da esperantistoj, de leteroj ricevitaj el ĉiuj landoj de la mondo, sed la loko ne permesas. Tamen, ni nur donos unu leteron, kiun ni ricevis de S-ro Herbert M. Scott, la redaktoro de „Amerika Esperantisto". Ni donas lian leteron entute, ĉar li estas bone konata kiel . . . Sed pli bone legu kion li mem diras pri si:

Moundsville, W. Va., 20 okt. 1925.

D-ro *Wm. S. Benson,* direktoro de Benson Esperanto-Lernejo
Newark, N. J.

Estimata samideano,

Mi ricevis de F-ino Meriam, sekretariino de EANA, ekzemplerojn de viaj lecionoj por recenzi en „Amerika Esperantisto". Ŝajnas, ke mia reputacio, kian ajn mi posedas ĉe la esperantistaro, estas tiu de konservativegulo; vi do komprenas, ke mi estas postulemega rilate novajn entreprenojn. De kelka tempo, en tiu aŭ alia revuo aŭ gazeto, mi legadis pri viaj projektoj, kaj mi milde demandis al mi, ĉu vi „efektivigos", vi ja „efektivigis" supermezure. Jam de jaroj mi konas preskaŭ ĉiujn metodojn por instrui Esperanton al anglalingvanoj. Mi mem reklamas kurson perkorespondan. Sed mi riskas aserti, ke, laŭ mia humila opinio, nenia instruilo ajn povas eĉ konkureti kun via metodo. Ĝi malfermegas al mi la okulojn. Mi bone konas la metodon Pelman por instrui sentraduke fremdajn lingvojn, kaj tion ĝis nun opiniis la plej praktika el ĉiuj lingvinstruaj progresoj, sed vi superprogresas super Pelman du- aŭ trioble.

Vi eble ne trovos recenzon en „Amerika Esperantisto" ĝis post kelke da monatoj. Presloko tro mankas, kaj mi deziras recenzi iom adekvate. Mi rimarkis relative nemultajn erarojn (presajn ktp.) pri kiuj ŝajnas, ke mi devos atentigi, sed mi ja intencas laŭ mia ebleto rekomendi vin kiel vi meritas.

Se iel ajn alie mi povas al vi helpi, nur petu.

Kun respekto signita: *Herbert M. Scott,*
redaktoro de „Amerika Esperantisto".

Nun, restas nur diri, ke la unuaj kvar lecionoj enhavas ĉirkaŭ 1200 bildojn kaj kostas unu usonan dolaron. Agentoj ricevas rabaton de 25%, sed en tiu okazo la mendo devas esti ne malpli ol $ 3.00. La antaŭparolo al la unua leciono nun estas preparata en preskaŭ ĉiuj lingvoj de la mondo.

**Benson School of Esperanto, Inc., 20 Mercer Street, Newark N. J., U. S. A.**
**Delegito de UEA** **Ĉefdelegito de TEAJ**

Esperanto-Presejo Paul Göring, Magdeburg-N.